XXIII<sup>a</sup> jaro. N° 319 (3) ★ Monata ★ Marto 1927

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

FONDINTO: HECTOR HODLER GVIDANTO: D-ro EDMOND PRIVAT
ADRESO DE LA REDAKTEJO KAJ ADMINISTREJO: 12, BOULEVARD DU THÉÂTRE, GENEVE
*La Redaktejo ne povas resendi manuskriptojn. Lasta dato por ricevo: la 15a de ĉiu monato. Oni skribu tre legeble kaj konservu kopion.*

JARA ABONO

Simpla abono . . . . . . . . . . . . . . 10.— Fr. Sv.
Kun la membreco de UEA . . . . . . . 12.50 Fr. Sv.
Unu numero . . . . . . . . . . . . . 1.— Fr. Sv.
*Svisa poŝtĉeko I. 2310. — La abonoj komenciĝas en Januaro*

REKLAMO

Anonco (unu centimetra kolonero) . . . . 2.50 Fr. Sv.
Anonceto (1 linio: 10 vortoj) . . . . . . 0.75 Fr. Sv.
Korespondado (1 enskribo) . . . . . . . 1.— Fr. Sv.

ENHAVO



## Nova eksperimento.

La teknikaj konferencoj en Genève, Venezia kaj Paris enkondukis novan sperton en la historion de Esperanto: ili kunvenigis spertulojn de tri fakoj niaj por diskuti pri la instruado de Esperanto en lernejoj, ĝia uzo en foiroj aŭ ĝia apliko al scienco. Pri internacia radio-unuiĝo estis provita kun sukceso prepara konferenceto, kie nia lingvo estis uzata en diskutoj apud franca kaj germana.

Ĝis nun en eksteraj kongresoj oni kontentiĝas eterne per „piaj" rezolucioj favoraj al Esperanto, sed ofte sen praktikaj sekvoj. Kial oni ĉiam nur „rekomendas" mirindaĵojn anstataŭ efektive decidi seriozan paŝon? Foje ĉar oni ne kuraĝas, sed ankaŭ foje ĉar kelkaj esperantistoj estas tro fanatikaj. Ili volas ĉion kaj riskas atingi nenion. En la vivo tio estas malprudenta.

Ke niaj propraj kongresoj perfekte kaj flue funkciu per unu sola lingvo, tio estas bona kaj necesa kiel pruva modelo en la okuloj de la cetera mondo. Sed jam dudekfoje tiu pruvo ripetiĝis kaj ankoraŭ ne imitas nin aliaj kongresoj.

Estas malfacile salti de unu sistemo al la alia. Necesa kaj neevitebla estas en ĉio ia — eĉ mallonga — transira periodo. En internaciaj kongresoj ĉiuspecaj la multeco de la tradukoj estas teruraĵo. Postuli, ke ĉiuj delegitoj lernu tuj paroli Esperanton, tio estas malfacila, sed se la plimulto povus jam kompreni ĝin — post kelkaj horoj da trastudo — tiam estus eble decidi, ke ĉiu parolos kiun ajn nacian lingvon li preferas, sed ke la raportojn oni nur en unu lingvon tradukos: en Esperanton.

Tion la brita delegitaro rekomendis al la Pacaj Kongresoj. Tion la Internacia Oficejo de Edukado decidis provi en Praha ĉe la Paska Konferenco pri Pacedukado en lernejoj. Kelkaj raportontoj scias aŭ lernas Esperanton kaj uzas ĝin mem. Aliaj fakistoj aŭ eminentaj scienculoj raportos nacilingve kaj iliaj paroloj estos tradukataj en Esperanton.

Tiu sistemo estos unuafoje provita en Praha kaj, se tiu eksperimento sukcesos, ĝi estos multe pli facile imitebla de aliaj kongresoj

Pri la temo mem de la konferenco ni jam antaŭe skribis; estus granda ĝojo por nia Majstro kaj devas esti instigilo por ni, ke Esperanto povu helpi utilan kaj urĝan interkonsiliĝon pri eduko de la infanoj al homara sento aŭdante kion oni jam ekprovis diversloke en tiu direkto.

Sed por ke Esperanto vere helpu kaj ne simple embarasu tiun interkonsiliĝon, nepre necesas, ke partoprenu samideanoj en granda nombro kaj ne nur eksteraj interesatoj. Faru ĉion por veni al Praha aŭ instigi aliajn!

*Edmond Privat.*

 SOCIA VIVO 

# Unueco spirita, diverseco noma.

Estas konata intenco de D-ro Zamenhof, ke lia lingvo helpu al pli profunda interkomprenigo inter homoj diversgentaj, ne nur en praktikaj aferoj, sed ankaŭ en spiritaj. Li deziris krei neŭtralan fundamenton lingvan kaj moralan, sur kiuj povus frate renkontiĝi diverslingvanoj kaj diversreligianoj neniel enmiksante sin en la internajn aferojn de siaj reciprokaj nacioj kaj eklezioj.

Ĝi estis la esenco de tio, kion li nomis la „interna ideo de Esperantismo". Laŭ la difino de la Bulonja deklaracio estas esperantisto ĉiu kiu uzas la lingvon, tute egale por kiu celo li ĝin utiligas. Sed laŭ la Zamenhofa parolado en Cambridge, estas *idea* esperantisto ĉiu, kiu lernis per Esperanto ne nur la gramatikon, sed la koran komprenemon al homoj de aliaj gentoj kaj religioj.

Ke la lingvo de l' Espero disvastigis tiun homan komprenemon en milojn da animoj, tio estas la plej bela floro en la spirita krono de ĝia seminto en la mondon. Efektive nenio estas pli favora al paca rekonstruo de l' homaro ol tiu nova fratema pensmaniero, serĉanta prefere tion, kio unuigas, ol tio, kio dividas.

Ankaŭ ĝi klarigas la kaŭzon, kial la esperantista publiko estas ofte elektita kiel favora varbokampo de orientaj unuecigaj religiaj movadoj. Iliaj apostoloj en Eŭropo baldaŭ konstatis la simpatian komprenemon de la esperantistoj kaj komencis propagandi sufiĉe aktive inter ili.

Ĉie oni amike eĉ fervore akceptis ilin, sed nenie ili varbis multajn efektivajn adeptojn. Tia movado estas nun ĉie konata per Esperanto, eĉ se ne aliĝis al ĝiaj societoj granda nombro da homoj. Kio malhelpas efektivan aliĝon eĉ inter sinceraj simpatiantoj?

Du kaŭzojn ni notu. Unue multaj homoj apartenas al iu aŭ alia religia aŭ filozofia grupo. Ili ne deziras ŝanĝi sian spiritan domon. Cetere, kial ili ŝanĝus, se ilia kredo estas sincera kaj se ili trovis en ĝi la feliĉon, la korkontentigon kaj la inspiron al homa helpemo?

Due multaj marŝas sur la vojo al lumo per helpo de spirita majstro, kies influo, inspiro kaj ekzemplo estas al ili kutime familiaj. Se oni proponas al ili alian nomon, alian personon, alian kondukanton, kiun ili ne konas, ili sentas sin haltigataj.

Preskaŭ ĉiuj tiuj novaj movadoj prezentas al la mondo apartan fondinton, kies vivo estis admirinda kaj alportis al miloj da homoj ĉirkaŭ si grandan inspiron. Tamen al la ekstera publiko tiuj sanktaj gvidantoj aperas kiel konkurantoj inter si kaj ilia plureco konfuzas multajn homojn.

Se oni profunde ekzamenus iliajn admonojn oni rimarkus, ke tia konkurenco tute ne ekzistis en ilia penso kaj ke ili ĉiuj rekomendis al la homaro la saman altiĝon de konscienco kaj oferon de si mem. Iliaj apostoloj pli parolas pri ilia persono ol ili mem eble dezirus kaj ŝatus. Tion klarigas fideleco kaj dankemo. Sed eble ĝi malhelpas iom la celon.

Kio fine plejgravas super ĉio cetera? Certe, ke disvastiĝu tra la mondo tiu nobla spirito de sindono kaj frata komprenemo al ĉiuj sinceraj kredoj. Se tion predikis sankta viro en Ekstrema aŭ en Proksima Oriento, multe pli urĝas disvastigi tiun spiriton ol elvoki diskutojn ĉu li estas Di-sendito aŭ apostolo. En tiuj polemikoj estas facile ofendi aliajn homojn aŭ eĉ kaŭzi novajn dividojn pro diversaj signifoj de vortoj. Prefere oni lasu flanken ĉion, kio koncernas *nomojn* kaj oni insistu pri la spirito. Tiel oni helpos unuecon kaj ne dividon restante tute fidela al la inspiro de la sendinto.

*Liang-ĉu-vaj.*

# Konstanta Centro de Internacia Informado

En Genève antaŭ la XVII-a kongreso kunvenis en la Oficejo de UEA reprezentantoj de diversaj internaciaj somerkursoj, kongresoj kaj oficejoj por starigi komunan programon por la tuta somero evitante maloportunajn samtempaĵojn. El tiu tre utila kunveno elnaskiĝis la ideo fondi konstantan ligilon inter ĉiuj internaciaj organizaĵoj sidantaj en Genève.

Dum la lasta jaro kunvenis ĉiumonate delegitoj de la ĉefaj internaciaj asocioj ĉe la Internacia Servo de la Kvakeroj. La Asocio por Interesoj de Ĝenevo proponis sian helpon kaj ĵus oni fondis en ĝia kontoro la novan *Konstantan Centron de Internacia Informado*. I. C. K. kaj UEA estas inter la fondintaj membroj.



*Ĝeneva lago kun velŝipo*

Krom la oficialaj Ligo de Nacioj kaj Internacia Laboroficejo sidas en Genève 42 aliaj internaciaj sekretariejoj. Inter ili estas Internacia Ruĝa Kruco, Internacia Pacoficejo, Internacia Oficejo de Edukado, Y. M. C. A., Internacia Unuiĝo por savi Infanojn, Interparlamenta Unio, Internacia Oficejo por defendi Indiĝenojn, Internacia Alianco por Virinrajto, Internacia Konsilantaro de Flegistinoj, Internacia Unuiĝo de Studentoj, Internacia Federacio de Universitataj Virinoj, Internacia Unuiĝo por universitata interhelpo, Internacia Virina Konsilantaro, ktp.

La ĵus fondita „Centro" nun eldonos belan programon de ĉiuj internaciaj kursoj kaj internaciaj kongresoj en Genève dum la venonta somero. Por ke Esperanto havu sian paĝon en tiu libreto dissendota tra la tuta mondo kaj sian lokon inter la regulaj internaciaj somerkursoj, nia I. C. K. nun preparas projekton de lingvaj kursoj pri kaj en Esperanto, okazontaj en la fino de Aŭgusto kaj komenco de Septembro. Instruo por pliperfektiĝi en la lingvo kaj ekzamenoj por akiri instruan diplomon povus okazi tie regule ĉiujare ĉe la fino de la Ĝenevaj universitataj somerkursoj. Kiu ŝatas la ideon bonvolu skribi al ni kaj ni donos pliajn informojn en venonta numero.

# La virina harmodo.

Originale verkis *J. Reisinger*, Genève.

En la gazetaro periode aperas diversopiniaj artikoloj — ĉu de nekonantoj, ĉu de fakuloj — pri la modo de la hartondado ĉe la virinaro. El ĉi-tiuj du kampoj sin kontraŭstarantaj, ofte vidiĝas tre vigla, eĉ akra diskutado kontraŭ aŭ por la nova modo. Iuj indigne, kvazaŭ ribele plendas, ke tia modo estas tute ne konvena kaj deca, ĉar kontraŭ la bona moro, ja honto por virinoj, kiuj volas respektigi siajn sekson kaj dignon; dume aliaj kontraŭe opinias, ke tio estas afero de persona gusto, tute sendependa de la moralo, kaj plie, modo treege praktika kaj ĉefe ĉarma por plimulte da virinoj. Nu, sen longa pripensado, oni, el ĉiuj vidpunktoj, devas pravigi la porulojn. Efektive, kie troviĝas la preciza limo inter tio, kio estas konvena kaj nekonvena, deca kaj maldeca? Ĉu tio ne estas simpla afero de ŝanĝo de persona gusto, kaprico, iom post iom pli kaj pli disvastiĝanta, ĝis fine ĝi fariĝas la atestita kaj morala komunaĵo de la popola plimulto. Male, tio kio unue estas konsiderata kiel morala aŭ de bona kutimo, iom post iom, de generacio al generacio, pli kaj pli ŝanĝiĝas ĝis lastfine post jardekoj aŭ eĉ nur post jarcentoj, jam estas rigardata kiel malmorala, malinda, ja krima faraĵo. Agoj, faroj, modoj, kiuj foje estis kondamnitaj kiel nemoralaj, aŭ nur eĉ nekonvenaj, nuntempe jam estas se ne laŭdataj, almenaŭ tolerataj en sferoj multe pli gravaj ol la modo de mallonga hararo de la virino. Tiu, kiu volas havigi al si nerefuteblajn argumentojn favorajn al iu modo, povas trovi ilin jam en tre frua pratempo. Por sin konvinki, sufiĉas vidi kio okazas ĉe popoloj primitivaj. Sed eĉ sen tiu analogio, restas kiel plia atestaĵo la monumentoj el la antikva Egipto, montrante al ni tipajn modelojn de virinoj kun mallongaj haroj. La romanaj vestalinoj estis divigataj fortranĉigi al si la harojn, samkiel devige ĝin faras ankoraŭ nune la monaĥinoj. La hebreinoj observantaj la religian devigon, edziniĝante mallongigis sian kapornamon. Ili tion faras ankoraŭ en landoj, kie la antaŭaj kutimoj konserviĝis, ekzemple en Nord-Afriko. En diversaj epokoj la modo de mallongaj haroj fariĝis la privilegio de la elegantulinoj: Katarino de Medicis, kiu persone preferis la longajn harojn, oferis sian hararon al la modo enkondukita per la renesanco.



Modela paĝia harfrizaĵo

Post la franca revolucio, la Direktorio enkondukis la modon de mallongaj haroj, kiel reagon kontraŭ la portado de la perukoj. Sufiĉas.

Aliaj malamikoj kontraŭ la paĝia frizaĵo certigas, ke ĝi estas kontraŭnatura, ĉar la bela, riĉa hararo estus la natura ornamo virina, kaj ĝin forigi aŭ nur mallongigi, estus ofendo al naturo. Ĉi-tiu argumento estas almenaŭ parte vera. Sed, ĉu ne multaj agoj en la vivo de la nuna socio, estas aŭ fariĝas ofendoj, ofte eĉ krimetoj kontraŭ la naturo? Kaj kial do, sama faro, kiu ŝajnas al ni nenatura ĉe virino, fariĝas tute memkomprenebla ĉe viro? Tiel, ĉe la viroj la hartranĉado estas uzata se ne de jarmiloj, tamen almenaŭ de jarcentoj, samkiel la razado de la vangoharoj, kvankam ambaŭ praktikadoj estas tute kontraŭ la naturo, kiu volas ke tio, kion ĝi donas, estu kvazaŭ sankta donaco, ne detruota, eĉ ne parte. Ja, funde pripensata, tiu praktikado ne nur estas kontraŭnatura, sed por homoj severe kredemaj, ĝi eĉ povas esti konsiderata kiel peketo kontraŭ la sento religia, almenaŭ de hebreoj kaj kristanoj. Ĉar, tiel la kapo de la Dipatro, kiel tiu de la filo, la Savinto, — laŭ la bibliaj pentraĵoj — estas ornamitaj per longa, onda hararo, samkiel la vizaĝon de ambaŭ kovras bela kaj densa barbo. Sed eble nur tial, ĉar en la tieaj epokoj, tre verŝajne ne jam ekzistis la gildo de la barbiroj.

Kion diri pri la modo de la viroj, ekzemple ĉe multaj Germanoj, kiuj tondigas al si la harojn por tiel diri el sub la haŭto de kranio, kaj malaperigas la lastan restaĵeton de la lipharoj, tiel, ke oni kredas vidi homajn korpojn kun ŝanceliĝantaj kapoj de mortintoj? Ĉu tio estas aspekto pli agrabla, pli impona ol vidi junan virinon kun beleta kapeto enkadrita per mallongigita hararo lerte frizita? Ne! Aliparte, imagu belkreskan virinon sur kies ŝultro gracie ripozas senĉapela kapo kun onda aŭ neorde buklita silkharo, belforme trancita, kaj apud ŝi sur Ĝenevaj stratoj — neoftaĵo de rigida kvarangulino, kies kapo pro sur ĝi peze aranĝita harplektaĵo, similas al malgranda pajla abelujo, kiun superstaras kvazaŭ gluita sur ĝi, telersimila nigra ĉapelo. Tiam la elekto inter ambaŭ, certe ne postulas speciale delikatan guston. Kaj kiom pli gracie, malpeze, ĉarme kaj alloge aperas virina kapo en la nova harfrizaĵo kompare al pezege superŝarĝita kaj surpudrita frizaĵo de la Rokoka epoko?



Paĝia harfrizaĵo neondigita

Krom tio, la nova harmodo havigas al la virinoj precipe al la neriĉa klaso, alian avantaĝon, eble malpli interesan, sed multe pli gravan el higiena konsidero. Ĉar la portado de mallongaj haroj treege helpas al pureco de la kranihaŭto, ili per ĝi, sen troa komplika artifikaĵo, sukcese kunigas belon kun utilo, ja utilo ne sole por higiena bonfaro, sed ankaŭ por ŝparo de tempo kaj penado ĉiumatene bezonita de la hararanĝo. Sed tiu nova progresaĵo ne komprenigu kiel viriĝo de la virino. Ŝi estu singardema kontraŭ la tento troigi sur la vojo de liberiĝo de la miljara antaŭjuĝo, kiun la viro en sia privilegia situo kaj kalkulado de sia natura egoismo, starigis por ŝi. Do ankoraŭ sur tiu-ĉi kampo de virina emancipo, ŝi restu fidela al la kvalitoj kaj ecoj de vera virineco.



La supra frizaĵo sed ondigita

Firme ŝi forpuŝu ĉiun emon fariĝi pli vira ol viro. La nova harmodo, simple kaj modeste aranĝita havigas al virino, eĉ plenaĝa, pli da gracio, pli da ĉarmo, ja eĉ pli freŝan kaj viglan aspekton, igas ŝin estaĵo ankoraŭ pli alloga. Dume la alpreno de vira aŭ junula frizaĵo prezentas inklinon sengustan, imiti plejekstreme ĉiun apartaĵon aliseksan. Tiaj malsanemaj fantaziaĵoj modaj, ĝenerale ne daŭras longe, ili jam post kelka tempo malaperas per si mem. Ni ne ĉagreniĝu pro tio, kaj lasu al ili la malmulte kostan plezuron. La proverbo ja diras: „ĉiu estas la forĝisto de sia propra feliĉo". Ili estu feliĉaj! Kaj vi, mense sanaj adeptinoj de moderna harfrizaĵo *nevira,* tute ne timu pri mokoj kaj kritikoj malspritaj de kontraŭuloj malprogresemaj, tute ne timu ke via faro estus io kontraŭnatura, eble pro tio, ĉar via paradiza prafratino Evo, estis kaj estas bildata al vi kun longa, onde subenfalanta hararo, duone kovranta ŝian korpon. Ja, la unua belulino biblia ne povas esti sufiĉe konvinka modelo por vin deteni da via emo modernigi vian kapornamon, ĉar — ĉiam laŭ la bibliaj ilustraĵoj — ŝi ja posedis nenian alian ŝirmilon naturan aŭ artifikan ol sian abundan hararon.

El ĉi-tio estas evidente, ke al ĉiu ajn flanko ni nin turnu, ne ekzistas sufiĉaj kaj seriozaj motivoj kontraŭ la adopto de la aktuala harmodo virina. Tamen ekzistas unu kondiĉo, nome ke virino vere saĝa ne transiru la Rubikon'on kontraŭvole de sia amato aŭ edzo, aŭ de aliaj de ŝi respektotaj familianoj; alidirite: ŝi ne agu facilanime kontraŭ la opinio de la amataj personoj, por atingi sian celon, eksekvi la novan modon. Afero cetere facile por ŝi evitebla, sen pro tio rezigni al la sopirata celo, ĉar ŝi posedas aron da rimedoj por ĝentile cedigi ĉiujn siajn amikojn. Ja tutcerte, se

estas la forta deziro de virino, atingi sian celon, tiam ne ekzistas baroj por ŝi nerompeblaj. Ja jes, kiam virino firme, obstine volas, tiam ŝi povas esti certa pri la fina venko. Kaj ĉu virino ne estas kreita de la dioj por esti indulge pardonata kaj cedeme traktata de ĉiuj? Ja, vi, virino, kiu estas nekontesteble la krono de la kreado, la floro plej bela, plej ĉarma, la floro reĝina en la ĉiam floranta ĝardeno, la belaĵo unika jam sole pro riĉa via kapornamo, ĉu mallonge kaj belforme tranĉita, ĉu longa kaj aranĝita, vi restas la estaĵo plej adorata kaj tio grandparte, dank' al rava via hararo, kaj ankaŭ, kaj ĉefe, dank' al la ĉiopovo, al la klereco kaj lerteco de via . . . frizisto.

La kliŝojn afable disponigis la revuo „Der Schweizerspiegel", Bern.

---



## LINGVAJ STUDOJ



### Duoblaj prepozicioj: depost, deper ktp.

La plej rimarkinda geniaĵo de D-ro Zamenhof estis lia eksterordinare saĝa limigo de la fundamenta materialo sur kiu li poste lasis la lingvon elkreski mem per siaj propraj fortoj. Senpripensuloj kuraĝis tion riproĉi al li. Anstataŭ unu prepozicio *de* kun diversaj sencoj ili estus preferintaj tutan amason da *de, di, per, par* ktp. Zamenhof saĝe donis minimumon. Se plia vorto montriĝus nepre necesa per la sperto de l' praktiko, tiam li lasis ĉiam la pordon malfermatan al nova ebla gasto.

Tio estis multe pli genia ol tuj amasigi tro da vortoj kaj poste devi elĵeti ilin per konfuzoj. Nu la prepozicio *de* faris siajn spertojn. La plej ofta uzo estis la genitiva: *frato de patro estas onklo;* poste venis la loka: *de Parizo al Londono;* tiam la tempa: *de tago al tago.* Kiam la posta vorto montras per si mem tempon, ĉio bone. Nur kiam ĝi ne montras tion, okazas iufoje momenta ŝanceliĝo: *Li ne revenis de la rifuzo.* Ĉu pro tio enkonduki novan prepozicion?

Ne! post tridek jaroj da vivo, Esperanto kreis al si la propran *depost. (Li ne revenis depost la rifuzo.)* Sufiĉis kunigi du konatajn prepoziciojn por ricevi tre oportunan esprimon, ĉiam uzeblan en tiaj dubaj okazoj.

Nun pri la postpasiva uzo: *sendita de li* estas tute klara. Post substantivoj verbaj, la afero iom malsimpliĝas. *La akcepto de Esperanto de tiu kongreso* estas malbela kaj ne klara. Oni proponis *par.* Ĉu necese? Mi opinias, ke ne. Kial ne diri *deper* laŭ la modelo *depost? La akcepto de Esperanto deper tiu kongreso.* Multaj uzas tute simple *per* en tiaj okazoj, sed ĝi estas ne tute laŭsenca, dum *deper* formas pli taŭgan kombinon tute laŭfundamentan kaj evitas ĉian konfuzon: *Li estis liberigita de tiu ŝarĝo deper sia estro depost novjaro.*

En la granda plimulto de okazoj *de* tute sufiĉas, sed se la klareco postulas kolorigon, estas pli bone ĝin aldoni per jam ekzistanta elemento ol enkonduki novan aŭ uzi malkorekte vorton kun alia senco. Tute same pri *antaŭ* kaj *kontraŭ.* Oni proponis *anter* kiel prepozicion lokan. Eĉ D-ro Zamenhof iam simpatiis la proponon por eviti konfuzon en esprimoj kiel *antaŭ la kongreso* (ĉu loke, ĉu tempe?). Oni ankaŭ diskutis kiel distingi inter *kontraŭ li,* ĉu loke, ĉu batale. Estas sufiĉe simple, en dubaj okazoj, uzi *antaŭ al* kaj *kontraŭ al* por montri lokon: *Legu ĝin antaŭ-al la kongreso, staru kontraŭ-al la domo.*)*

Esperanto povas ankoraŭ eltiri multajn riĉaĵojn el sia propra trezoro, se nur oni penas serĉi interne prefere al ekstere.

*Fundamentisto*

---

## Esperanto vivu propre.

Pri la interŝanĝo de leteroj inter S-ro Scott kaj kaj P-ro Cart ni ricevis la jenan leteron de S-ro Hohlov:

La ĉefa problemo starigita de S-ro H. M. Scott estas, ke, liaopinie, ni tro teorie bazas nian vortaron sur ĝiaj tradukoj en la naciajn lingvojn. Li pruvas per ekzemploj, kiom ŝancelema estas tiu bazo kaj li resume alvokas bazi la vortaron sur nia propra tradicio kaj la sperto de la longjara lingvouzo. Li krome volus, ke la laboro de la Akademio estu koncentrita al la preparo de la ne plu prokrastebla „Oficiala vortaro en Esperanto", granda, konforma al ĉiuj nuntempaj bezonoj de nia lingvo.

Sed ĉu vere tiu laboro aperas antaŭ ni kiel la plej grava farotaĵo por la interna progreso de Esperanto? Ĉu ni ne forgesas la aksiomon, ke la vortaro estas nur postsekvo, konsekvenca produkto de la kreanta penso en ĉiu kultura lingvo?

Nin ne erarigu la citaĵo: „En komenco estis vorto . . ." Ni akceptu, ke la komenca vorto estis nepre rezulto de la penso, kreinta tiun vorton. Ĉar alie oni rajte povus diri, ke en la komenco estis kombinaĵo el sonoj.

S-ro H. M. Scott estas frape prava, dirante, ke nia lingvo post la kvardekjara ekzisto ne plu devas esti konsiderata kiel greftita branĉo sur la trunko de la naciaj lingvoj, de kiuj ĝi ricevas la necesajn vivsukojn. Venis jam la tempo planti ĝin en la grundon por ĝia memstara disvolviĝo kaj kresko. Eĉ estus pli racie, ke post la planto ni de tempo al tempo algreftu al la trunko de Esperanto nobligajn branĉetojn de la lingvoj naciaj. Por tiu ĉi nova direkto ni devas ricevi la aprobon kaj subtenon de niaj L. K. kaj Akademio.

Sed multaj „nekonataj soldatoj" de nia paca batalantaro pensas kaj celas iomete alie ol estimata S-ro H. M. Scott. Ili avide atendas, de la gvidantoj, de la unuopaj talentuloj, ke ili aperigu fine gvidilon por nia lingvo, tiom taŭgan kaj bonan, kiom taŭgaj kaj bonaj estas la lernolibroj de la angla lingvo kaj de ĝiaj „Composition and Rhetoric", eldonataj abunde en la naskolando de S-ro H. M. Scott.

Tiu ĉi gvidilo ŝajnas esti, se ne pli grava ol la vortaro, postulata de S-ro H. M. Scott, do almenaŭ samvalore grava.

Ni ĉiuj scias, kiom longa kaj pena estas nuna vojo por akiri la bonstilecon en Esperanto. Ĉiu serioza okupita homo por akiri ĝin devas krom la gramatiko trastudi kaj tralegi tiom da libroj, ke sola penso pri tiu longa laboro terurigas lin. Krom tio li havas neniajn komentariojn, neniajn komunajn indikilojn, laŭ kiuj li povus orientiĝi en sia vojo. Li tro multe estas lasata lerni ĉion laŭ sia propra gusto, kompreno kaj prefero. Li devos uzi nian lingvon multe kaj longe, por fine fariĝi meze-bonstila ĝia uzanto. Kiom da samideanoj simple ne povas venki tiun vojon kaj lasas ĝin sen ia videbla rezulto, kvankam ili nepre atingus la aspiritan celon, se ni havus bonajn gvidlibrojn traktantajn pri la gramatiko, strukturo kaj analizo de la lingva stilo.

Ĉiuj niaj gramatikoj kaj komentarioj, eĉ pli ol la vortaroj, estas bazitaj sur lingvoj naciaj. Kiom multaj el tiuj gramatikoj eltenas nenian kritikon! Ekzistas nenia serioza gramatiko en Esperanto, kiu iom similus, en sia konstruo, al la vortaro de Kabe.

*N. Hohlov*

---

*) Naciaj lingvoj sekvis saman metodon ofte kun utila rezultato. Komparu france: *de par, au dessus de au dessous de, en face de, au lieu de* ktp.

# GEOGRAFIO

## Budapest - la reĝino de la Danubo.

Originale de D-ro *B. Máléka*, sekretario de la Ĉefurba Fremdulolicejo, Budapest.

Proksime al la loko, kie la Danubo turnas sin al la sudo, kuŝas unu el la plej belaj kaj plej interesaj urboj — Budapest. Ne estis hazardo, sed kaŭzoj naturaj kaj geografiaj, kiuj destinis tiun ĉi belan urbon al ĉefurbo de la hungara reĝlando. Ci tie komenciĝas la granda hungara ebenaĵo kaj la lastaj montetoj de l' okcidento renkontiĝas kun la malproksimen etendiĝanta ebenaĵo. Tiu situo destinis ankaŭ ĝian historian karakteron, kio montriĝis ankaŭ en ĝia eŭropa progreso. Budapest fariĝis la granda arterio de la eŭropa civilizo, ĉar la urbo ja troviĝas de la kruciĝa punkto de la ĉefaj vojoj, de l' trafiko kiuj poste deflankiĝas de oriento al okcidento kaj de okcidento al oriento.

Ne estas miraklo, ke jam la malnovaj romanoj ekkonis ĝian politikan kaj strategian gravecon kaj fondis tie la soldatan kolonion *Aquineum,* kiu, kvankam nur en ruinoj, eĉ nun estas ankoraŭ videbla. Sed la fakta graveco komenciĝas per la ekloĝado de la hungaroj (madiaroj) je la fino de la deka jarcento post Kristo. En tiu tempo fariĝis Stefano la Unua, poste nomita la Sankta la unua reĝo de Hungarlando kaj fondis la unuan kristanan ŝtaton en tiu-ĉi parto de Eŭropo. Li havis la titolon: „Defendanto de la civilizacio". Post lia regado fariĝis la urbo Buda por jarcentoj la plej majesta fortikaĵo kaj remparo de la okcidenta kulturo. Tio estis ĉiam ĝia rolo kontraŭ la konstantaj atakoj de la orientaj barbaroj kaj poste kontraŭ la militinvadoj de tataroj kaj turkoj. En la tempo de la plej teruraj tataraj atakoj leviĝis Buda sur la nuna fortikaja monteto.



Elizabeta ponto kun panoramo de la Danubo

Komenciĝis tempo de florado, kiu atingis sian supron dum regado de *Matias Corvinus,* la filo de Johano Hunyadi, la glora heroo en la turkaj bataloj. (Estas la tempo de la tiel nomata Matias-periodo de la hungara historio).

Dum lia regado oni konstruis multnombrajn palacojn; mondfamaj scienculoj, artistoj, diplomatoj kunvenis en lia kortego kaj gravaj renesanco-lernejoj malfermiĝis ĉi tie. Post Matias Corvinus komenciĝis malfeliĉa epoko, ĉar komence de la deksesa jarcento Buda falis en la manojn de la turkoj, kiuj tenis la urbon dum 150 jaroj sub jugo. En la deksepa jarcento la hungaroj trovis helpon ĉe la Habsburgoj kaj en la jaro 1686 Buda estis liberigita el turka jugo. En la sekvinta periodo venis nova epoko de la resaniĝo kaj evoluo; la urbo povis denove plenumi sian malnovan kaj solan destinon: la evoluigon de la civilizacio. La urbo trapasis sian plej gravan vivparton en la lasta jarcento, precipe dum la tempoj de Palatano Jozefo de la grafo Széchenyi kaj de la apostolo reĝo Francisko Jozefo, sub kies regado sekvis la



Ponto Francisko-Jozefo

grandioza, moderna disvolviĝo de la urbo. Hodiaŭ ĝi nombras preskaŭ unu milionon da loĝantoj kaj ĝi estas laŭ grandeco kaj nombro de loĝantoj la deka urbo en Eŭropo.

Budapest donas per sia mirinda situo apud la majesta riverego Danubo, kun kio preskaŭ eĉ unu eŭropa



Ponto Margareto

urbo ne povas konkuri, ĉirkaŭita de amindaj, verdiĝantaj montetĉenoj, kun la pompa, reĝa kastelo, super la rivero leviĝanta kun ĝiaj bone flegitaj parkoj, al fremduloj neforgeseblan memoron. La plej grava rivero de Mezeŭropo dividas la urbon en du partojn. Sur la maldekstra flanko estas verdaj kampoj kaj la senfina ebenaĵo, kovrita per amaso de konstruaĵoj, dum sur la dekstra flanko leviĝas rifaj montetoj, kun multnombraj turoj, palacoj kaj vilaoj en varioplena diverseco. Buda per siaj historiaj restaĵoj, la impona reĝa kastelo, per la grandaj historiaj ceremonioj (reĝa



La Reĝa Palaco

kronado, rondiro kun la sankta mano je tago de Sankta Stefano), per sia mirinda, en orienta freskostilo pentrita gotika preĝejo, en la mezo de silentaj, malnovaj domoj de aristokratoj, per sia malgrand-burĝa ĉiutaga vivado, transportas nin kvazaŭ en la malaperintan



Széchenyi banejo en Urba Parko

atmosferon de niaj prapatroj. La kontrasto estas Pest sur la maldekstra bordo vaste etendiĝanta moderna ĉefurbo de plej granda, moderna stilo, kun luksaj bulvardoj, fieraj kaj riĉe ornamitaj domoj, unuarangaj hoteloj, kolektejo de moderna kulturo, muzeoj, teatroj, publikaj konstruaĵoj.

Sur la pinto de la monteto „Fortikaĵo" ni vidas la reĝan kastelon en ĝia belega situo kaj pli malproksime sur alia monteto, Gerhardmonto aŭ Gellértmonto historian fortikaĵon kun ĝiaj malserenaj muregoj.

Alvenante vespere per la viena vaporŝipo, surprizas la fea aspekto de miloj da elektraj lampoj,



Termala banejo S-ta Gerhardo (St. Gellért)

panoramo, kiu estas komparebla nur kun la aspekto de Venecio pompanta en ĉiuj belecoj.

Imponan, gravan impreson faras la Parlamento, kiu turnas sin per sia tuta fasado al la Danubo. Tiu ĉi konstruaĵo estas pro ĝia grandega areo kaj pro ĝia superriĉa interna dekoracio komparebla nur kun la londona Parlamento, ĝi estas en Eŭropo la sola en sia speco. La konstruaĵo fariĝis en gotika renesanca stilo, kronita per majesta kupolo kaj multnombraj turoj kaj turetoj. En la proksimeco estas la baziliko de Sankta Stefano, la plej ampleksa, en renesanca stilo ornamita preĝejo de Budapest, ĝi donas en la formo de greka kruco la sinligon kaj samtempe la simbolon de okcidenta kaj orienta kulturoj. Proksime al la urba arbareto kaj ties lago leviĝas la Muzeo de la



Agrikultura Muzeo en Urba Parko

Belaj Artoj. Ĝi estas riĉa je valoraj prentraĵoj de Raffael, Tizian, Rembrandt, Murrillo, Goya, Van Dyck, Rubens, Munkáscy, Szinnyei kaj majstroverkoj de aliaj grandaj artpentristoj.

La allogan impreson de la urbo ankoraŭ plialtigas la vivo trateksita per naciaj karakterizaĵoj, kiuj ja vere taŭgas por kateni la intereson de fremduloj, ĉu ili estas sur la stratoj, ĉu en la multnombraj kafejoj, kie vespere la ciganorkestroj sonigas fajrajn aŭ ensorĉigajn melodiojn. Vespere miloj promenas al la kajoj de la Danubo, plantitaj per akacioj ŝatata rendevua loko dum la somera kaj vintra tempoj por la eleganta mondo. Ĉi tie troviĝas ankaŭ la plej gravaj hoteloj (Danubpalaco-Ritz, Hungaria, Carlton, Bristol, Sankta Gerhardo), kiel belegaj palacoj sur la dekstra kaj maldekstra Danuba bordo. Grandaj vaporŝipoj de la reĝa Hungara Vaporŝipa Asocio staras ĉe la havenoj aŭ trakrozas la riveregon, malgrandaj pasaĝboatoj glitas de unu bordo al la alia, dum antaŭ la magazendomoj atendas grandaj ŝarĝŝipoj al sia kargo.

De la maldekstra kajo montriĝas la plej bela Danuba panoramo. Sur la kontraŭa flanko estas la granitŝtonegoj de la Gellértmonto, la arkadoj de la



La Parlamento

reĝa ĝardeno, la Széchenyi-ĉenponto, la Elizabeta kaj Francisko-Jozefa pontoj, kiuj kunligas per kuraĝaj, vastegaj arkoj la du urbopartojn.

Reviga estas la vidaĵo, se je frua matenhoro nebulo leviĝas super la rivero: arĝente briletas la ondoj en la matenlumo, ruĝaj turoj aperas en kolorabunda lumigado, la ardan brilon pli efikigas la ĉirkaŭpreno de la montaro. — La Danubo donas al la urbo ne nur ŝanĝplenan belecon, sed kompreneble ankaŭ ekonomian gravecon. Sude de la pontoj estas multnombraj magazenoj, fabrikoj, dokoj kaj vardeponejoj. La nun konstruata komerca haveno kreos el Budapest vastegan internan havenon, la plej gravan liberan havenon de Centra-Eŭropo.

Pentrista arto, skulptado, arkitekturo kaj muziko atingis altan gradon de perfekteco. Majstroj, kiel Francisko Liszt, Erkel, Goldmark, Hubay, Dohnànyi ktp., vivis tie kaj igis Budapeston florantan muzikurbon.

La graveco de Budapest estas ne nur historia, arta kaj ekonomia, la urbo havas multpromesan estontecon, kiel banloko. Trafe oni nomas ĝin la urbon de sanigaj fontoj kaj banejoj. Hodiaŭ estas Budapest metropolo kun ĉiuj eblaj komfortoj, kun amuzaĵo ĉiu-

speca kaj kun bonegaj banad-eblecoj. Tra la dekstraborda montetaro dum jarcentoj elfluas famaj mineralaj kaj termalfontoj kaj destinas Budapeston al dua Karlsbad. Ĉi tie trovas ĉiu malsano sian medikamenton. El la mineralakvoj la amara-akvo Hunyadi János estas konata tra la mondo, dum la fontoj de la Sankta Gerharda kaj Lukasbanejoj, Imperiestra banejo (Császárfürdő) montras miraklan efikon ĉe reŭmatismo, artrito, podagro, nervaj malsanoj ktp. Tiuj ĉi superriĉaj fontoj donas ĉiutage pli ol dek milionojn litrojn da akvo saniga. La banejoj estas instalitaj kun la plej granda komforto kaj lukso, precipe la Sankta Gerhardbanejo (Szent Gellért), kiu estas sub urba administrado. Krom tiu la urbo administras ĉe la piedo de la Gerhard-monto la belan trinkhalon, kies mirakla akvo estas donata kontraŭ rena, stomaka kaj intesta malsanoj. Alia grava saniga banejo troviĝas sur la Margaretinsulo, kie bone zorgitaj parkoj, ombraj promenejoj kaj ravantaj rozplantaĵoj faris el tiu insulo ŝatatan ekskursejon kaj sportejon.

En Budapest trovas ĉiu vojaĝanto distraĵon, amuzadon, la plej agrablan restadejon kaj forlasos tiun ĉi urbon — la reĝinon de l' Danubo — kun plej favoraj kaj ĉiam restantaj impresoj.




## *La okuloj de la vinko.*

Originala fabelo de *Lucy Dokman.*

Ho, tiuj okuloj de la vinko!

Sufiĉas rigardi ilian ĉielan lazuron, por ke oni divenu tutan profundon de la animo, kiu en ili spegulas. Kaj kiam la palpebroj karese mallevas sin sur tiuj okuloj, oni vidas ankoraŭ, inter la okulharoj, luman kaj karesan radion kvazaŭ la suno trairas blankan nubon.

Se ili ploris, se ili verŝis maldolĉajn larmojn, estis nur por refreŝiĝi, por ke ilia ĉiela lazuro iĝu pli brilega.

Ho, tiuj okuloj de la vinko!

Mi devas nur fermi la miajn, kaj mi sentas ilian rigardon plenan de amemo, mi devas nur teni en miaj manoj tiujn malgrandajn florojn, kaj tuj en mia koro kantas maljuna legendo, kiun mi neniam aŭdis, sed kies la sekretan ritmon mi povis ekkapti, kiam mi renkontis sur mia vojo tiujn okulojn de la vinko! — — — — — — — — — — — — — — —

Estis iam, antaŭ longe, tre longe, juna princino, kiu loĝis en bela kastelo. Ŝi havis nigrajn okulojn, kaj nigrajn harojn, ŝia nomo estis Eleno, kaj ŝi estis pli bela ol Amoro. Tuta ŝia vivo estis kvazaŭ mirteatraĵo: — kion ajn ŝi volis, ŝi ĝin havis tuj.

Ŝia kastelo estis granda, pli blanka ol neĝo, en la ĝardeno kreskis mirindaj maloftaj floroj. Ĉiuj tagoj, oni inventis por ŝi novajn distraĵojn kaj novajn plezurojn; malfrue, en la nokto, belaj princoj venis sub ŝian fenestron kaj kantis amajn poemojn.

Tamen, la princino Eleno ne estis feliĉa. Ofte el ŝiaj nigraj okuloj elfalis maldolĉaj larmoj, ĉar ŝia koro estis anĝela koro kaj suferis pro la homara mizero. Ŝi volis foroferi sian vivon por la tutmonda feliĉo.

Ofte ŝi forkuris el la kastelo, kaj iris de domo al domo, donante al la malriĉuloj kaj al la malsanuloj monon kaj florojn. Ĉie ŝi postlasis ĝojan memoron, ĉie, ŝia nomo estis benata. Kaj tio daŭris longe, tre longe.

Ho ve, venis tago, kiam la princino Eleno havis nenion por doni; ŝi elspezis ĝis la lasta monero kaj derompis ĝis la lasta floro de sia ĝardeno.

Tiam ŝi iris al la preĝejo kaj komencis preĝi Dion.

„Dio", petegis ŝi, „donu al mi multe, multe da oro, ne por mi, sed por aĉeti panon al la malriĉuloj. Donu al mi multe, multe da floroj, ne por mi, sed por doni ilin al la malsanuloj."

Dum ŝi preĝis surgenue antaŭ la altaro, anĝelo blankvestita aperis al ŝi.

„Eleno", diris li, „Dio aŭdis vian preĝon, kaj ĝi estos plenumita. Malnodu vian nigrajn harojn, ili alikoloriĝos en oraj haroj; ridetu, viaj okuloj fariĝos bluaj, kaj el ĉiu de viaj ridetoj du vinkoj aperos. Tiel vi ĉiam havos oron kaj florojn, ĉar via koro estas bona."

La anĝelo malaperis. Kiam la princino Eleno foriris el la preĝejo, ŝiaj horoj estis pura oro kaj ŝiaj okuloj estis bluaj. Denove ŝi povis helpi al la malriĉuloj: ŝi eltiregis lá harojn unu post la alia, kaj aliaj haroj anstataŭis tuj. Ŝi ridetis, kaj du vinkoj falis el ŝiaj okuloj.

Nun ŝi estis feliĉa, ĉar vere la sola feliĉeco estas fari la aliajn feliĉaj.

Tio okazis antaŭ tre longa tempo, kaj tio estas nur fabelo. — — — — — — — — — —

Unu tago, sur mia malhela vojo, sub la ĉielo plena de ventego kaj minaco, mi renkontis alian princinon Eleno, kaj sondante tutan profundon, tutan senliman bonecon de ŝia animo, kiun spegulas ŝiaj vinkaj okuloj, mi sentas, kiom ajn forta estas la ventego, kiu minacas nin, la suno tamen fine trairos la nubon, kaj, kiam oni vidas nur dornarbustojn, oni subite rimarkas malgrandan kaj helan vinkon, kiu estas kreskanta ĉe la bordo de la abismo . . .

---

## Budapesta Internacia Foiro

Kun tiu ĉi numero estas sendata invitilo. La nunjara foiro okazos de la **30 Aprilo ĝis 9 Majo 1927**

## *Mia karega . . .*

(Tradukita el mia malgaŝa poezio „Ato ny Havako".)

Kiam venos la tempo, kaj mi forlasos la teron,
Kaj mia senviva korpo apud vi estos kar' edzino:
Mia spirito foriros al malproksima ĉielo
Jes, al ĉielo ĝi supreniros kaj eklogos.

Sole mia nomo por vi restos, ripetu . . .
Rediru ĝin multfoje, o, Karitina, rediru, rediru! . . .
Ankaŭ memoru pri miaj laboroj kaj miaj verkoj
Memoru, . . . jes, kaj ĉiam . . . multfoje.

Pri mi, mallongan funebron vi portu
Kaj el la tombkapo, lilion blankan vi plantu
Apud kiu, miozoto al vi plaĉos . . .
Memoru min, se la vespersonoron vi aŭdos.



*Jean Laurent Andrianasolo*, instruisto Tananarivo Madagaskaro.

Se niaj parencoj apud mia tombo venos pasi
Kaj ili volas min viziti, ili kantu,
Ĉar muzikon tre bonan mi amas . . .
Venu, venu, kaj bone muziku . . .

Kaj, rozo falu sur mian tombon
Por verdigi sekiĝemajn herbojn!
Ankaŭ, lasu blovi la abarventon
Por karesi mian senkorpan fantomon . . .

Sur monteto, vi konstruos mian tombon
Tie . . . bone videbla ĝi estos . . .
Ĝiajn murojn vi ne ŝanĝos,
Eĉ vi ne beligos ĝiajn ŝtonojn . . .

Ĉar skribitajn ŝtonojn mi ne volas
Sur kiuj titolojn oni legas;
Linion solan, vi skribos:
MIA KAREGA . . . tio sufiĉos.

Miaj gefiloj kaj miaj amikoj . . .
Ili venu danci apud mia funebra domo,
Ili ludu bone la fluton . . .
Por ke mi povu aŭdi iliajn voĉojn . . .

Je nordo de l' tombo (mi forgesis)
Arbon vi plantos, ĝi estos por mi ombriga.
Vojaĝantoj, precipe viroj, venu por vidi
Mian tombon, kiu en vido estas malriĉa . . .

Supreniru . . . supreniru kaj vizitu . . .
Jes, vizitu malaperintan parencon . . .
Sed vekriojn mi ne deziras
Estu kontenta mi ripetas . . .

Io, kion antaŭ ĉio mi deziras,
Estas ŝtono plaĉa el bordo riverega,
Kaj la senripoza kaj granda maro rigardu,
. . . Rigardu supren al mia monumento.

*Nun mi ne plu en batalo militos*
*Sed vi, vi havu kuraĝon, ĉar tiam*
*Via batalo estos granda; vivo! Kaj vi venkos*
*Se tre bone memoros miajn konsilojn vi ĉiam . . .*

*Jean Laurent Andrianasolo*

---

## Vintriĝo.

*Hans Windisch-Sartowsky*

Nebuloj super la kampoj. — Folioj velkintaj terenfalis. — Sekegaj nigraj branĉoj etendiĝas kontraŭ ĉielo; kvazaŭ manoj, kiuj preĝas. Sed estas manoj senkarnigitaj preĝante kontraŭ ĉielo kaŝita . . .

. . . Ĉu vi vidis grizan rajdanton sur laca ĉevalo? — Ne, vi ne vidis lin; vi ne povas vidi lin, ĉar li estas nevidebla. Sed vi sentos lian spiron kruelan, kiam li preterpasas apud vi. Vi rigidiĝos kiel la arbaroj, kiuj perdis sian foliaron, kiam lia mano ilin tuŝis.

Gardu vin! — Li kunportas misterojn tremigajn.

— — Al soleca vilaĝo li alproksimiĝas. Frostotremante pajlkovritaj kabanoj kaŭras sub malhelnebula nokttimemo. Ĉu ili antaŭsentas lian alproksimiĝon? — Paliĝante, sufera timo fariĝas neĝo. Blankiĝis la multkolora hararo de l' naturo mortanta. Ĉar mortigas la griza rajdanto, ne per kruda forto, nek per armilo, nur per ekrigardo de siaj teruraj, fergrizaj okuloj, kiujn neniu vidis, sed kiujn ĉiu sentis, kiu iam — kvankam nevideble — estis rigardata de ili.

Senĉese la griza rajdanto rajdadas. — Kie li preterpasis, la fluo de l' riveretoj rigidiĝas kaj glaciiĝas. Kaj frostaj larmoj el densaj nuboj flirtas, neĝeriĝinte.

Ventego, ĝemegas, sekvante lin. — Maldormantoj je malfrua nokto en mucidaj dometoj mutiĝas; sed la maljunulinoj murmuretas preĝon, timeme, ne sciante, kial . . .

---




# Ĉu la „Tutmonda Statistiko“ sukcesos?

*(D-ro Dietterle.)*

Ĉiuj, kiuj respondis al mia statistika alvoko, por helpi entreprenon taŭgan por nia propagando, havas la rajton, scii ion pri la rezultato atingita ĝis nun.

Alvenis ĝis la 1-a de Februaro 1927 entute: 1457 raportoj,

| | |
|---|---|
| el asocioj, federacioj ktp. | 46 |
| el grupoj | 760 |
| de izole vivantaj esperantistoj | 651 |

Ĉi tiuj ciferoj ja estas — per si mem — jam iomete efikaj kaj imponaj, kaj mi treege dankas al ĉiuj raportintoj.

Kvankam inter la respondoj estas kelkaj, kiuj kaŭzis tute superfluan kaj tamen ne kontentigan laboron (ĉar ili prezentis ne responditajn demandarojn, sed longajn leterojn aŭ enhavis neprecizajn sciigojn), la plejmulto estis tre konforma al la tri demandaroj kaj liveros taŭgan bazon por la definitiva laboro.

Sed la ciferoj samtempe ankaŭ montras kaj pruvas, ke nur parto de la samideanaro (ekz. el la fakaj asocioj respondis nur tre malmultaj) sufiĉe bone komprenis la intencon de la statistika laboro, kiu atingos la celon celitan nur, se ĉiuj helpos. Kaj ĉiuj povus helpi, se ekzistus la bona volo. Ĝi estas la antaŭkondiĉo, sen kiu la tuta statistiko restos nekompleta torso aŭ eĉ ne torso, sed nur malperfekta fragmento, montrante, ke en la tiel nomata „samideanaro“ tute ne regas la samaj ideoj pri ĝenerala afero, kaj samtempe ne montrante tion, kion ni volas montri al la mondo.

En mia alvoko pri Tutmonda Statistiko mi tute klare diris, ke ĝi estos mia unua kaj lasta. Oni ne povas devigi iun al libervola laboro kiu fariĝas deviga laboro por ĉiu, kiu komprenas la situacion de nia movado. Mi ne volas peti tiujn, kiuj ne volas kunlabori — mi ja ne volas ion ajn por mi. Kun ĉiuj, kiuj ĝis nun raportis, mi deziras nur ion por ĉiuj, nome havigi al nia movado bonan — tre necesan — propagandilon, propagandilon pli efikan ol multaj paroladoj kaj gazetartikoloj. Rezultaton eble nekontentigan la neraportintaj samideanoj skribu en sian propran konton, ne en la mian aŭ en la konton de la volonte kaj diligente raportintaj samideanoj.

Estos tute neefektivebla laboro, admoni per kelkmilaj specialaj leteroj tiujn, kiuj malatentas tion, kio ŝajnas devo por ĉiuj veraj esperantistoj.

Estas ankoraŭ tempo, fari la ĝis nun nefaritan kaj sendi la ĝis nun nesenditajn raportojn. Post la 15-a de Aprilo mi devos fari grandan strekon sub la laboro farita ĝis tiam, minimume rilate la raportojn en Eŭropo. Poste estas tute neeble, ĉiutage revizii la rezultatojn kaj korekti ilin senfine; ĉar tiamaniere la laboro neniam estos preta, kaj mi esperis, ke ĝi povus esti preta por la tempo de la internaciaj kongresoj de ĉi tiu jaro.

Se mi petas ion, mi nur petas, ke oni ne kulpigu min pro rezultato netaŭga kaj nekontentiga kaj ke oni ne fanfaronu pri „fideleco al nia majstro“, se oni rezignas al tre malgranda laboro, kiu celas honori lian memoron dum nia jubilea jaro. —

Oni demandis — eĉ riproĉis — min tre ofte tial, ĉar mi en miaj demandaroj ne liveris difinon pri tio, kion signifas la vorto „Esperantisto“. Mia respondo estas tre, tre simpla. Mi ne volas esti pli prudenta ol nia D-ro Zamenhof, kiu jam tute klare difinis, kiu estu rigardata kiel „Esperantisto“. Li diris tion en la Deklaracio de Boulogne sur Mer:

> „Esperantisto estas nomata ĉiu persono, kiu scias kaj uzas la lingvon Esperanto tute egale, por kiaj celoj li ĝin uzas. Apartenado al iu aktiva societo esperantista por ĉiu esperantisto estas rekomendinda, sed ne deviga.“

Karaj gesamideanoj, laŭ ĉi tiu difino bonvolu respondi la koncernan demandon aŭ, se vi jam sendis vian raporton, nerespondinte al la aludita demando, fari tion ankoraŭ dum la venonta tempo.

Tre multaj samideanoj aparte skribis, ke ili aprobas la statistikan planon, kelkaj faris tion eĉ entuziasme. Ili gratulis min pro la projektita statistiko kaj sendis salutojn. Koregan dankon, mi dankas kaj salutas vin ĉiujn.

## KRONIKO.

### Aŭstrio.

*Linz.* — Jarkunveno de „Neŭtrala Aŭstria Esperanto-Societo“ (Tegethofstr. 24). Kursoj kun 500 personoj.

### Belglando.

*Antverpeno.* — La grupo „Verda Stelo“ festis la 8—9 de Januaro la 20-an datrevenon de sia fondiĝo kaj la jubileon de S-ro Frans Schoofs, la prezidanton kaj kursgvidanton de la grupo. Kurson por 25 personoj ĉe la „Polica Grupo“.

*Bruges.* — Paroladoj de Prof. Nyssens pri „Karaktero“ kaj de Komandanto Verniers pri „Timo“. Propaganda festo. Novaj kursoj kun 117 personoj.

*Bruselo.* — D-ro Kempeneers fondis grupon de belgaj kuracistoj kaj malfermis kurson en „Instituto Stenografia“. Kurso por 19 personoj gvidata de inĝeniero Somerling.

*Gent.* — Propaganda festo; novaj kursoj.

*La Panne.* — Lumbilda parolado de Prof. Deligny el St. Omer. Kurso gvidata de S-ro Benoit.

*Mechelen.* — Parolado de S-ro De Kettelaere; sekve la kurso por 21 personoj.

*Verviers.* — Kurso ĉe la 4-a grado de la urbaj lernejoj funkcias. La urbestraro plialtigis la monhelpon ĝis 750 fr.

**Radio-Kursoj.** — „Belga Ligo“ sukcesis fari kontrakton kun la kompanio „Radio Belgique“ laŭ kiu Esperanto-kursoj estas disaŭdigataj ĉiusabate je la $21^1/_2$ vespere en Bruselo kaj en Antverpeno.

### Brazilo.

*Victoria.* — La 8-a Kongreso okazis fine de Novembro en la ĉefurbo de Espirito Santo. La Ministrejo de Interno pagis la vojelspezojn de la kongresanoj. Tri Ministrejoj kaj ses ŝtatoj estis oficiale reprezentitaj. Dum la meso predikis pri Esperanto la Episkopo, D. Benedikto de Souza. Prezidis la Kongreson D-ro Backheuser. Paroladis D-roj Conto Fernandes, Carlos Domingues, José Boiteux, F-inoj Antoninha Barum, Yrany Baggi, Romancina Calmon, S-roj Miĥuloviĉ (ruso), Berger (hungaro), Azambuja Neves, Carlos de Arruda, Gomes de Carvalho, Joao Vianna. Prof. Carreiro Neto prezentis al la Kongreso siajn esperantajn tradukojn de du brazilaj romanoj: „Viuvinha“ kaj „Bugrinha“.

### Britlando.

*Deptford, London.* — Ekspozicio 22. 1. 27 aranĝita de S-ro W. H. Lester.

*Catford, London.* — Nova kurso kun 12 personoj, gvidata de S-ro R. Hoskins.

*Catford, London.* — Nova kurso kun 20 personoj, gvidata de S-ro T. Glover (UEA).

### Bulgario.

*Sofia.* — Kurso kun 30 personoj gvidata de S-ro Z. Zaĥariev. — La Sofia Komerca Ĉambro donis al la Sofia Esperantista Societo monhelpon de 1000 levoj. — Du novaj kursoj malfermitaj: unu en la klubejo de la socialdemokratoj, por la membroj de la partio, gvidata de Nikola Georgiev, alia por fervojistoj, kun permeso de la respektiva ministro, gvidata de Petr Mitkov. — La loka sporta turista klubo „Esperanto“ agas vigle kaj fruktodone en la okcidenta parto de la urbo; en ĝia klubejo estas gvidata kurso por la klubanoj. — La Sofia Esperantista Societo per speciala ekspozo proponis al la Ministerio de la Popola Instruado, ke en la ĉefurbo estu aranĝata kurso de Esperanto por infanoj de la unuagradaj lernejoj; la Ministerio respondis, ke „nun“ ĝi ne povos malfermi tian kurson. La plej grava ĉiutaga ĵurnalo „Mir“ publikigis en du kolonoj nian ekspozon, kio elikis multe por la ĝenerala propagando.

*Bracigovo.* — Kurso gvidata de S-ro E. Nagy.

*Burgas.* — Propaganda semajno kun Esperanto-ekspozicio.

*Loveĉ.* — Du kursoj malfermitaj, sub la gvido de F-ino Baramova (instruistino) kaj Ivan Ludev (advokato).

*Petriĉ.* — Du kursoj: 24 personoj gvidata T. Stoev, 45 personoj gvidata T. Popov.

*Plovdiv.* — 3 kursoj en vilaĝoj: Jaŝa Kuria, Devenci, Kemanlar.

*Vraca.* — 3 kursoj gvidata de S-ro R. Triĉkov.

### Ĉeĥoslovakio.

*Brno.* — Zamenhofa festo kun 80 personoj.

*Praha.* — 23. 1. Vesperfesto de „Esperanto-Rondeto“ kun 90 personoj.

### Egipto.

*Kairo.* — Arablingva ĵurnalo „Al Mokattam“ regule raportas pri nia afero.

*Port Said.* — Nova grupo. Prez. S-ro M. Mustafa, Sekr. S-ro M. Anŭar, Kas. S-ro I. Hanna; adreso de la kunvenejo: 5 Saria Ismail, 3-a etaĝo. Kurso ĉe bahaanoj.

*Tanta.* — En tiu urbo, meze de la Nila Delto, nun propagandas S-ino Nikolaides, kiu studis ĉe D-ro Stamatiades en Samos.

### Estonio.

*Tallinn.* — Parolado de S-ro V. Anofriev pri la XVIII-a. La Ministrejo de Instruo subvenciis per 8000 markoj la gazeton „Informoj de Esperanto-Asocio de Estonio.“ La 5-a jarkunveno de Estonia Asocio okazos 18—19 Aprilo.

*Tartu.* — Parolado de S-ro V. Anofriev.

### Franclando.

*Paris.* — Paroladoj de S-roj S. Major pri Naturfilozofio, H. Chatenet pri Franc-Germana Repaciĝo. Pro la morto de S-ro Haton, nia pioniro Generalo Sebert iĝis la plej aĝa en la Scienca Akademio. S-ro Ch. Pichon, redaktoro, ricevis 10000 fr. premion Cognacq por multinfaneco. Artikoloj ĉe „L'Ere Nouvelle“, „Le Haut Parleur“, „Paris-Soir“.

*Lyon.* — Parolado de S-ro Despeyroux ĉe Studenta Asocio.

*Valenciennes.* — Kurso kun 40 personoj gvidata de F-ino Barret.

*Cancon.* — Paroladoj de S-ro A. Géraud, prezidanto de la grupo „Garona Espero“.

### Germanio.

*Berlin.* — La Internacia Aviada Societo por Arktaj Regionoj akceptis Esperanto por siaj eldonaĵoj, apud la angla, franca, germana.

*Dresden.* — Monata kunveno de la loka Societo, parolado de S-ro Karsch pri UEA.

*Fulda.* — Kurso kun 34 personoj, gvidata de S-ro Funk.

*Halle.* — Loka Societo kunvenas merkrede je la 20 h. en „Franziskaner“, Gr. Märkerstrasse.

*Köln.* — La XVI-a Germana Esperanto-Kongreso okazos dum Pasko; aliĝis pli ol 100 personoj. Parolados S-roj Degen, Haelker, Lohmann, Schulz.

*Krefeld.* — Jarkunveno de loka grupo. Kurso por 15 lernantoj, gvidata de S-ro W. Queling.

*Heilbronn.* — Fondo de nova grupo en Neckarsulm, prezid. S-ro F. Rau; paroladis S-ro A. Smit el Nederlando.

*Ludwigshafen.* — Societo fondita. Kurso kun 10 personoj.

*Mainz.* — Parolado de S-ro A. Smit el Nederlando.

*Stuttgart.* — Parolado de S-ro A. Smit el Nederlando.

*Wiesbaden.* — Parolado de S-ro A. Smit el Nederlando.

## Hungario.

*Budapest.* — Parolado de S-ro A. Ĉe. La Esperanto-Societo elektis kiel protektantojn Grafon J. de Zichy kaj D-ron G. Lukács. La fama verkisto Karinthy defendis Esperanton ĉe la Instrua Ministrejo.

## Budapest kaj Esperanto.

La lingvo de la hungara ĉefurbo estas la hungara (magiara), kiun oni uzas ankaŭ en teatroj kaj publikaj lokoj preskaŭ ĉie. Escepto estas nur ĉe okazaj operludoj kaj fremdaj gastludoj, kiam oni ludas france, germane, ruse, itale laŭ la naciecoj de la gastludantoj. Sed en preskaŭ ĉiuj pli gravaj lokoj oni parolas ankaŭ germane, kiu estas kvazaŭ dua, por-fremdula lingvo de la lando, akceptita dum la tempo de la aŭstria-hungara monarkio. En la grandaj hoteloj kaj magazenoj oni trovas interpretiston por la ĉefaj lingvoj de Eŭropo. En hoteloj kaj kelkaj lokoj la sciindaĵoj estas elmetitaj en kelkaj lingvoj kaj la budapesta fama banejo kaj hotelo: Imperiestra Banejo (Császárfürdő) estas la unua, kiu en ĉiuj ĉambroj enhavas la sciindaĵojn ankaŭ en Esperanto. La granda hotelo „Continental" eldonis klarigan broŝuron ankaŭ en Esperanto, simile la Ĉefurba Fremduloficejo, kiu korespondas esperante. La plej granda hotelo de la lando „Granda Hotelo Royal" aliĝis al UEA, kiel entrepreno. Simile aliĝis la Foiro de Budapest, kiu komencis eldoni siajn invitilojn kaj afiŝojn kaj enkondukis la korespondon en Esperanto. En preskaŭ ĉiuj grandaj bankoj estas minimume unu persono, kiu scias la lingvon internacian, simile ĉe la fervojdirekcioj kaj tramvojsocietoj. Ankaŭ en la ĉefpolicejo troviĝas esperante parolantaj oficiroj, kiuj volonte helpas fremdulojn per informoj. La plej multaj ilustritaj poŝtkartoj pri la plej belaj partoj de Budapest kaj albumo el ili estas havebla en ĉiu vendejo kun Esperanto-teksto. Kunvenejo de la Hungarlanda Esperanto Societo (Eötvös-utca 3, proksime al Reĝo-teatro: Király-szinház) estas preskaŭ ĉiutage antaŭtagmeze, lunde, marde kaj vendrede ankaŭ vespere, oficejo de la Laborista Societo (VIII. József-körut 9, I. etaĝo, proksime al Nacia-teatro) estas ĉiutage de mateno ĝis vespero malfermita kaj oni ĝoje akceptas fremdlandajn gastojn. La delegito de UEA por Budapest (S-ro P. Balkányi) loĝas ankaŭ en la centro de la urbo kaj estas trovebla inter la 14—15 horoj (VI., Hajós-utca 15, apud la Reĝa Operdomo) aŭ dum la oficialaj horoj en la Hungara Ĝenerala Kreditbanko (V., József-tér 4) en centro de la urbo, proksime al la fremduloficejo. La junulara grupo E. R. A. kunvenas en la Eötvös-strata kunvenejo ĉiun mardon vespere 19—21 kaj ĉiam estas kantado kaj laŭtlegado, deklamado en Esperanto.

Apartan mencion meritas la ofte aranĝataj literaturaj vesperoj, kiujn kelkfoje honoris per ĉeesto kaj laŭtlego eĉ eminentaj hungaraj verkistoj. En la literatura agado kun egala fervoro partoprenas la grupoj de Hungara Esperanto-Societo kaj la multaj grupoj de la bele prosperanta Hungara Esperanto-Societo Laborista. Tiun viglecon klarigu ankaŭ la fakto, ke en Budapest vivas la du famaj poetoj de Esperantujo: Julio Baghy kaj D-ro Kolomano de Kalocsay, kies verkojn la esperantistaro tiome ŝatas kaj admiras.

Ni rajte esperas, ke dum unu el niaj universalaj kongresoj, aranĝota espereble baldaŭ en Budapest, la esperantistaro ricevos neniam havitan literaturan kaj artan regalon. La esperantistoj de Budapest ne vane esperas, ke la tutmondan samideanaron baldaŭ allogos al Budapest ne nur la unika beleco de la urbo, sed ankaŭ la varma fokuso esperantista, disradianta talenton kaj volon kaj jam nun vokanta la samideanaron per kora: bonvenon!

B. D.

## Italio.

*Milano.* — Tri kursoj, gvidataj de S-roj Piatti kaj Poli, du en lernejoj kaj unu ĉe „Esperanto-Domo".

*Udine.* — Parolado de nia malnova pioniro Pastro G. Bianchini ĉe Popola Universitato.

## Latvio

*Riga.* — Vesperfesto ĉe „Esperanto-Societo", paroladis S-roj A. Kažoks, E. Karklins, T. Indra, deklamis F-ino M. Pirkst.

*Liepaja.* — Kurso kun 20 personoj. La societo eldonas sian monatan bultenon.

*Ventspils.* — Kursoj kaj kunvenoj en Urba Biblioteko.

## Litovio.

*Kaunas.* — Disradiado merkrede kaj vendrede, je 18 h., ondo 2000; Esperanto-radio-kurso de S-ro Paškevičius. Esperanto-legejo fondita, en Koopera Klubo, kun 800 libroj.

## Nederlando.

*Haarlem.* — La 3-a Esperanto-Kongreso okazos 28—29 Majo

## Persio.

*Sultanabad.* — Grupo refondita, Prez. S-ro J. Ĥan Parvin, Vicp. D-ro Taghi Ĥan Maleki, Sekr. S-roj V. Sarkisjan kaj M. Zand, Membroj de la Estraro: S-roj Zia Daftar kaj A. Lamii. 5 kursoj funkcias.

## Pollando.

*Kalisz.* — La 6. 2. 1927, ĝenerala kunveno de la grupo. Oni elektis novan estraron: prez. red. S-ro Lasinski, vicprez. S-ro Jasinski, kasisto S-ro Sadowski, sekretario S-ro Zakrzewski, bibliot. S-ro Szpiro.

## Rumanio.

*Arad.* — Parolado de D-ro Olŝvanger. Regulaj kunvenoj de „Minerva" Esperanto-Societo. Kurso gvidata de F-ino Buczi.

*Bucuresti.* — Gazetoj Universul, Dimineaţa kaj L'Indépendance Roumaine konstante publikigas artikolojn pri Esperanto, dank' al s-ano H. Harabagiu.

*Cernauti.* — „Junularo Esperantista" prezidata de S-ro J. Weidenfeld kunvenadas ĉiuĵaŭde vespere en Germana Domo.

*Focsani.* — Profesoro D-ro J. Danila preparas publikan kurson.

*Giurgiu.* — S-ro S. Koch gvidas kurson por 16 personoj

*Petroseni.* — Kurso kun 15 personoj, gvidata de S-ro Lerch.

*Radauti.* — „Tagiĝo" aranĝis tevesperon la 2-an de Januaro.

*Timisoara.* — La grupo rekomencis kunvenojn en Str. Gojdu 14. — La 8-an de Januaro okazis solena malfermo de la kunvenoj. Prez. D-ro Németh dankis al S-ro Doboŝ pro la transdonita kunvenejo. S-ro Csapó, Del. de UEA, lerte paroladis „Pri ni". Gazetoj raportis. La kunvenoj regule okazadas ĉiuĵaŭde.

*Falesti.* — Kurso por 25 liceanoj, gvidata de S-ro B. Ŝnaider.

*Cluj.* — D-ro V. Biró, direktoro de piarista liceo, publikigis dupaĝan artikolon pri „Paclingvo" en junulara gazeto „Jó Barát" (Bona Amiko) de 15 Januaro 1927.

## Sovet-Unio.

*Minsk.* — Kunveno de 200 esperantistaj preslaboristoj. Esperantaj radio-novaĵoj disaŭdataj duloje en semajno.

*Perm.* — Grupo ĉe Artlernejo. Esperanto-rubriko en gazeto „Zvezda".

*Kremenĉug.* — Konferenco de 64 delegitoj de la regiono; grupoj en 11 lokoj.

*Ĥabarovsk.* — Kursoj kaj rondetoj kun 40 personoj.

*Motoviliĥa.* — Grupo kun 15 personoj.

*Krasnodar.* — Esperanta disradiado sur ondo 513 merkrede je la 19—20 h.

## Svedio.

*Falun.* — Esperanta disradiado per ondo 400.

*Stockholm.* — Solenaĵo je honoro de Rektoro Sam. Jansson, nia samideano; multaj artikoloj en ĵurnaloj pri nia afero.

## Svislando.

*Genève.* — La grupo „Stelo" sciigas pri sia nova adreso: Cours de Rive 11, ĉe „Foyer de la Femme", kunvenoj ĵaŭde je la 21-a h. — Prelegoj de D-ro Privat en Internacia Studenta Unuiĝo, Cercle de l' Union kaj Socia Virina Lernejo. Kursoj de S-inoj Umanski, Comane kaj Danneil.

## Usono.

*Cleveland.* — La Pionira Radio-Stacio disaŭdigis 22. 1. paroladon pri Esperanto. Finiĝis 30-semajna Esperanto-kurso de WHK sur ondo 272.6.

*San Francisco, California.* — 26-an de Januaro 1926. Parolado de Brewster F. Ames pri Esperanto antaŭ „Interna Rondo kaj Nur Unu Klubo Numero 4". Multa intereso kaj multaj demandoj. Rezulto, aliĝo MS al UEA, kaj vendado de libroj. Samideanoj Ames kaj Lucy J. Marshall estis gastoj de la klubo.

---

# TRA LA LIBRARO.

Detala raporto pri iu publikaĵo okupus tro ampleksan lokon en nia gazeto. La eldonaĵoj estas bibliografie notataj en la rubriko „Novaj libroj". Sub titolo: „Tra la libraro" aperos ne plenaj sciencaj prilingvaj recenzoj, ĉar multaj aliaj gazetoj jam daŭre komisiis al fertaj kunlaborantoj tiun tre utilan laboron, sed pli simplaj ĝeneralaj impresoj de nura leganto, celanta informi aliajn legantojn pri la enhavo de la plej rimarkindaj novaperintaj verkoj.

---

**Poezio. — Prozo. — Broŝuretoj. — Vortaroj, lernolibroj. — Diversaĵoj.**

*

Poezio estas floraro en lingvo, luksaĵo ne bezonata, despli ŝatata. Tial ni unue aŭdu novaĵon pri niaj bardoj.

Du el ili, duafoje sonigas sian liron, kaj interesa estas kompari iliajn du verssistemojn. Vojirinte „Preter la Vivo", Julio Baghi daŭrigas la marŝadon en *Pilgrimo.* Kaj flirtinte en „Amaj Poemoj", J. Grau Casas ree amindumas en *Novaj Amaj Poemoj.*

La miriga talento de Baghi ne krepuskas; lia vervo, lia majstreco restas sensaciaj. Lia nova kolekto, krom ĉiutemaj versaĵoj, ankaŭ enhavas pli longajn filozofiajn poemojn, en dialoga formo, pri homarsorto, vivsenco, estonteco; iel similaj al kelkaj verkoj de Hugo aŭ de Musset (Noktoj) en franca lingvo, pripensigaj, ili tamen ne estas tiom malpezaj, tiom muzikaj unuvorte tiom poeziaj, kiom la pli mallongaj; ĉi tiuj kondukas nin en ĉiuj medioj, de familio ĝis fabriko, de humoro al milito, tra sezonoj, landoj, tempoj. Pesimisto, eble ne sen motivo, estas ĝenerale la aŭtoro; li:

Bukedon senkoleran plektas . . . plektas;
simile al la laca ĝardenisto,
la florojn — palajn kantojn — li kolektas
nur pro kutimo — ne pro celpersisto.
La kanto estas nur tombŝtona moto,
kaj larmo surfalinte iĝas — koto.

Ja, ne facila estas la vivo:

Vi devas porti pezon de l' kateno,
erarvagadi en la malkompreno,
sub jugo fali pro maljusta skurĝo,
toleri kraĉon de grasventra burĝo.

Je la ritma, ĉiam belsona verso, li restas skrupule fidela la regula riĉa rimo malofte cedas al asonanco; kaj foje tintadas modernaj sonripetoj. Admiru jenan akrobataĵon. En „Sklaviĝo", tiel parolas Voĉo de la Destino:

Pri tenta pent'
kaj trena pen'
kun kant' de l' vant' vi ridos.
Rifuz' kaj ruz'
sen tim' pri krim'
en ĝoj' sur voj' vin gvidos.

La ĉena ten'
pro sklava prav'
sub nub' de l' dub' vin tordos.
Sed milda ŝild'
de l' ama flam'
en sol' konsolon portos.

Amara klar'
de l' vunda fund'
pri ver' de l' Ter' vin premos.
Por frukt' de l' lukt'
al bela cel'
per man' en van' vi remos.

Pri la lingvo mem, oni rimarkos multajn neologismojn, guste elektitajn, kaj sensufiksajn verbojn (psalmi, muti, rekviemi, pali, bruni, grizi, kloŝi, kupoli, ktp.)

Apud tia artfajraĵo iom „palas" la dudek poemoj bele eldonitaj de S-ro Jaume Grau Casas. Li ĝenerale bazas sian verson sur la silabnombro kaj ne sur la ritmo. Kiel antaŭparolon, li presigis leteron de la prezidanto de nia Akademio, kiu skribas: „Vi plene rajtas uzi en poezio la formon, kiu plej plaĉas al vi. Via libereco pri ritmoj, asonancoj, forigo de la rimo aŭ eĉ de la asonanco estas plena, se nur vi ne forgesas (kaj tion vi ne forgesis), ke la tonika akcento ludas en Esperanto grandan rolon kiel en itala, hispana, germana, ktp. lingvoj (ne en la franca)." Tre bone. Nu! La aŭtoro ne forigis rimojn, nek akceptis asonancojn, sed, per sia neregula ritmado, kaj ankaŭ per la formo de l' poezioj, tre proksimiĝas al la franca senritma verso. Tial la citita rimarko, kiun la poeto opinias pravigo lia, ankaŭ estas sufiĉe severa kritiko. Ni konfesu, ke plaĉaj estas la delikataj priamaj sopiroj, kiujn al talenta versisto la virinidealo.

Alispeca estas la libreto: *El Moderna Hispana Parnaso,* unue, ĉar ĝi kunigas du artojn, plibeligante la tradukojn de nuntempaj poetoj hispanaj per bildoj pri pentraĵoj, monumentoj, aŭ naturaj belaĵoj. Traduko de poezio ŝajnas tasko pli malfaciala ol verkado ĝia; tial oni ne postulu neeblaĵon kaj kontentiĝu se la traduko respektas niajn lingvajn regulojn kaj redonas la sencon de l' originalo. Utilaj estus kelkaj notoj pri la verkoj de ĉiu citita aŭtoro. Jen unu el la plej mallongaj tekstoj:

Kontrasto.

L' *Ibajzabal* ne havas
ĉe l' bordoj siaj,
rozon, kiel la rozoj
de vangoj viaj.

En la montoj ne staras
granita roko,
kiel via staranta
de l' kor' ĉe l' loko.

Ĉu ankaŭ al vera poezio apartenas kolekto da kantotaĵoj, kiel la *L. E. A. Kantaro?* Duone. Du katenoj: konvena traduko kaj alfaro al muziko, tiel limigas la verkanton, ke lia laboro ne povas simili al posta ekstazo. Krom speciale verkitaj kontraŭburĝaj kantoj, kiujn la subtitolo kaj antaŭparolo nomas „batalaj", estas feliĉe ankaŭ multaj alispecaj, ĉefe tradukitaj el germana kanttrezoro kaj adoptitaj al la melodioj. Tiu nova kolekto montras cetere progreson senteblan kompare kun multaj pli malnovaj kantaroj.

*

Tutmonda Biblioteko de l' firmo Mosse riĉiĝis per N-roj 7—9, *Norda Vento de* Fr. Karinthy, kaj N-ro 9, *La Songo de Makaro,*

de Korolenko. Ambaŭ volumoj enhavas portreton de l' aŭtoro kaj mallongan taŭgan biografion. Ambaŭ tradukoj estas bonaj, sed en tiu de la hungara novelisto, oni enkondukis multajn novajn vortojn kaj kelkaj el ili ŝajnas ne nesesaj, eĉ por tia traduko. Karinthy ŝatas strangaĵojn; tiaj liaj, ne noveloj, sed prefere filozofiaj rakontoj aŭ fabeloj estas ĉu antaŭtempaj utopioj, ĉu revaĵoj, ĉu burleskaĵoj, ĉu satiroj, ĉu inkubsonĝoj; ne ĉiam facile kompreneblaj aŭ kun celo ne facile divenebla, se celon tiuj skizoj havas. Subitaj temŝanĝoj, neatendita perspektivo ofte konfuzas la leganton. Kaj malgraŭ, eble pro tio, oni sentas, ke la rakontaro estas pli ol amuzaĵo kaj la aŭtoro multkapabla pensvekanto.

Malpli super- aŭ eksterhoma estas la Sonĝo de Makaro; ĝi unue priskribas la malgasteman frostan nordan Siberion kaj due vive pentras popolanon, tipon de slava simplanimeco. Kaj fine, Makaro, alveninte en ĉielon, diskutas vizaĝon kontraŭ vizaĝo kun Dio, kaj sukcesas senkulpiĝi, ĉar pri liaj multnombraj mankoj la socio estas pli responda ol li mem. Interesa respegulaĵo de prakultura homanimo.

Kial la skribinto de la antaŭparolo por la libro de G. Eekhoud, tradukita de L. Bergiers tiele gloras ambaŭ. Tia laŭdegado efikas kontraŭcele. La du noveloj: *Servokapabla,* kaj *Marcus Tybout* montras intencitan krudecon kaj ian ŝajnan kontenton malkovri la pusvundojn de nia sociordo, la beston en la homa naturo. Ili cetere tiel atingas fortan imprespovon. Kiel la junan senkulpan kampulon, korpe kaj anime venenas la militservo kaj kazerna vivo, ĝis memmortigo ĉion solvas, jen la unua. Kiel vilaĝa Don Juan preferas esti sovaĝe buĉata de la parencoj de delogita kaj perfida junulino, anstataŭ akcepti edziĝon kun ŝi, jen la dua. Krom kelkaj naciismoj, kredeble laŭvortaj tradukoj, la teksto indas je la bela kolekto, kien ĝi enviciĝis.

*

*Krimo de Fan,* traduko el japana; interesa situacio: ĵonglisto, kiel artaĵo konsistas ĉirkaŭkonturi vivan homon per tranĉiloj ĵetpikataj en tabulo, tion farante mortigas sian edzinon sur la scenejo. Ĉu volita ago? Ĉu senvola? Ĉu ne la subkonscienco kondukis la manon de trompita edzo? Senkulpa, deklaras la juĝisto. Dua rakonteto, Morto de Paguro, amuza fabelo.

*La Evangelio laŭ Sankta Johano* tradukita de tri anglaj diplomituloj estas presata kun kelkaj bildoj. La traduko ne estas supera, laŭ korekteco aŭ komprenebleco, sur la teksto de l' Nova Testamento ĉie konata. Do kial refari jam pretan bonan laboron?

*Nova Afriko* interese resumas la sangan historion de la nigrulkomerco; poste estas raporto pri la katolikaj misioj laborantaj en la nigra kontinento. Rekomendinda traktaĵo.

*Saĝa Ario* estas poresperanta fabelo en kvin lingvoj; la esperanta teksto estas bona; povu la aliaj ne simili la francan, tute kriplan.

*

Atentinda estas apero de dua *Oficiala Klasika Libro de Esperanto* (eldono de la Akademio) por la lingvoj itala, hispana, portugala. La unua enhavis la partojn francan, anglan, germanan. Oni scias, ke ĝi konsistas el la oficiala radikaro, kun korektitaj aŭ kompletigitaj tradukoj, kun kelkaj aldonaĵoj. Bezonata laborilo por fundamentistoj, kaj eĉ por aliaj.

Centra Komitato de nia movado prenis la taskon reaperigi la ŝatatajn Ĉeĉ-ŝlosilojn. La germana aperis sub titolo *Esperanto-Schlüssel.* La informoj kompreneble aktualiĝis, kaj la vortaro estas pliigita per komerca terminaro. Unu el la plej malkaraj sed plej efikaj propagandiloj.

En *Esperanto durch Sprechen,* Prof. Göhl renovigis nian komunan lernolibron. Por lernigi la parolan lingvon sufiĉas malmulte da vortoj sed multe da demandaj kaj respondaj frazoj; per orelo kaj buŝo, ne sole per okulo, envenu la lingvo. Dua poste aperonta parto alportos legotekstojn kaj la necesan vortprovizon.

12. Februaro 1927. *G. S.*

# Internacia Foiro de Budapest ligas la trafikon de Okcidento kaj Oriento.

Mil jaroj pasis jam de tiu tempo, ke inter la okcidentajn popolojn de Eŭropo kaj la multnombrajn gentojn de sudoriento enŝoviĝis la hungara raso. En la granda lando ĉirkaŭita de la Karpata Montaro tiu ĉi popolo plenumis gravan ekonomian kaj kulturan taskon. La hungaro rompis la forton de la tataroj kaj tiu ĉi lando ĵetis sian sangantan korpon, kiel digon, ankaŭ tiam, kiam la turka invado jam danĝerigis en la koro de Eŭropo la kristanan kaj okcidentan kulturon.

De tiuj tempoj pasis jarcentoj kaj hodiaŭ estas pli pacaj la taskoj, kiujn tiu nacio devas plenumi. Sed laŭ graveco ĝi ne restas malantaŭ la heroaj agoj de la pasinteco. Hodiaŭ oni devas filtrigi la kulturon de l' okcidento, por disvastigi ĝin pluen alĝustigante por la rilatoj de Oriento, en direkto de la Balkana duoninsulo kaj la ceteraj orientaj landoj.



Foira halo

La ĉefurbo de la lando, Budapest, estas la centro kiu estas samtempe centro ankaŭ de tiu ĉi komerca agado, kiu peras la altan teknikan perfektecon atingantajn industriaĵojn de la okcidentaj kulturlandoj al la agrikulturaj orientaj landoj kaj kiu fariĝis ĉiam pli la merkato direktanta de la naturprodukta eksporto al Okcidento. Ĉi tie troviĝas la plej potenca komerca haveno de la Danuba valo kaj la fokuso de la fervojlinioj irantaj de Okcidento al Oriento. Estas nur memkomprenebla, ke laŭ tiuj kondiĉoj Budapest estas *tre konvena por aranĝo de internacie gravaj foiroj.*

La forta, preskaŭ jam ĉiujn branĉojn okupanta industrio de Hungarlando penadas etendiĝi en la unua vico tra la ĉi tie aranĝata foiro de jaro al jaro sian propagandon. La Foiron aranĝas la Budapesta Komerca kaj Industria Ĉambro ĉiujare printempe kaj tiu institucio havas jam pli. ol dudekjaran pasintecon. En 1906 oni aranĝis je la unua fojo la Budapestan Foiron, do tiu foiro estas post la Leipziga unu el la plej malnovaj tiaspecaj foiroj de Eŭropo.

La celo, kiel ni jam antaŭe montris, estas krom la prezento de la landa produktado, en unua vico la kreo de interrilatoj por trafiko de Okcidento kaj Oriento. La agado por atingi tiun celon dum la vico de multaj jaroj jam produktis ĉiujn fakojn de la organizo, kiuj estas hodiaŭ jam nemalhaveblaj helpiloj de moderna foiro. Preskaŭ 300, la tutan teritorion de Eŭropo,

eĉ parte Amerikon kaj Malgrand-Azion kovranta organizacio de honoraj reprezentantoj staras je dispono parte por propagandi la foiron, parte por servi al la publiko, kiu interesiĝas pri la foiro. Kompreneble konvena afiŝa kaj gazetara propagando kompletigas la agadon de tiuj organoj.

La Internacia Foiro de Budapest faras kompreneble ĉion por pli-faciligi la partoprenon ĉe la foiro tiel por la ekspozantoj, kiel por la vizitantoj. — Pro tio la teritorio de la foiro estas doganlibera deponejo. La komercaĵoj ekspoziciitaj en la foiro ĝuas pli malaltan transport-tarifon al preskaŭ ĉiuj landoj de Eŭropo. — Simile ricevas grandan vojaĝrabaton la vizitantaro de la foiro. — La organizo de tiuj avantaĝoj dum dudekjaroj progresis jam ĝis tia grado, ke hodiaŭ de Bagdad ĝis Dower la publiko de la foiro povas uzi rabaton laŭ la rajtigilo de la foiro de Budapest.

La limojn de kelkaj eŭropaj landoj ankoraŭ ĉirkaŭprenas la dratbarilo de vico-devigo. La vizitantoj de la foira legitimacio povas sen vizo trapasi la hungaran landlimon.

La foiro, kontente konstruita en sia ekstera organizo, de jaro al jaro riĉe enmagazenigas ĉiujn imageblajn produktojn de la industrio. La pli ol 90 branĉoj prezentas sin en vastegaj haloj kaj en multnombraj apartaj pavilonoj al la publiko kunveninta el preskaŭ 20 landoj.

La nombro de la vizitantoj montras de jaro al jaro rimarkindan progreson. Kompreneble oni trovas ĉe la Budapesta Internacia Foiro en unua vico la komercistojn de la najbaraj landoj, sed ĉiam en granda nombro venas komercistoj bulgaraj, turkaj, eĉ ankaŭ de pli malproksimaj orientaj landoj. Kiu trarigardas tiun ĉi foiron, post mallonga rondirado jam estas konvikita pri tio, ke la Internacia Foiro de Budapest estas vere la renkontejo de Okcidento kaj Oriento, ja tie ĉi promenas unu apud la alia: la malgrasa anglo kaj la burnusa, turbana orientano, apud la moviĝema italo kaj franco la pedanta, pri ĉiuj detaloj interesiĝanta germano. En granda amaso ni trovas precipe la rumanajn kaj la diversajn slavlingvajn komercistojn.

La nunjara foiro okazos de la 30-a de Aprilo ĝis la 9-a de Majo kaj la preparaj laboroj jam diligente fluas. La nunjaran foiron aparte gravigas tiu fakto, ke Hungarlando nun jam de preskaŭ tago al tago pli intense ligiĝas per kreo de novaj komercaj kontraktoj, novaj tarifaj konvencioj kaj per la efektivigo de granda investada programo, al la ĉiam pli unueca ekonomia vivo de Eŭropo. Laŭ ĉiuj antaŭsignoj oni povas konkludi, ke la internacia karaktero de la foiro en la nuna jaro eĉ pli forte distingiĝos kaj la sukceso de la foiro donos gravecon elikantan malproksimen trans la landlimoj al la 21-a foiro organizata de la Budapesta Komerca kaj Industria Ĉambro.

Verkis: D-ro *Georgo Anker*
ĉe la direkcio de la Foiro Internacia de Budapest.

* * *

**Rimarkoj.** La foiro eldonis je la unua fojo en tiu ĉi jaro grandajn kaj malgrandajn afiŝojn, dekmilojn da invitiloj kaj glumarkoj en Esperanto kaj interesus ĝin ekscii, ĉu tiuj atingis alilandajn interesulojn kaj ĉu esperantistoj helpos per disvastigo kaj per konigo en gazetoj la aranĝantaron de la foiro, kiu jam antaŭ jardekoj donis lokon por Esperanto al la foiro kaj ripetas tion ĉiujare. La Foiro de Budapest oficiala reprezentigis sin en la Konferencoj de Venecio kaj Parizo kaj voĉdonis por rekomendi Esperanton en la komercaj interrilatoj.

Adreso de la foira oficejo: Internacia Foiro de Budapest V., Alkotmány-utca 8. Dum la foiro en la Industria Halo. Oficiala korespondo en Esperanto.

 INFORMA NOTO 

# Encimo-Terapeŭtiko.

La fama roma profesoro D-ro Pozzilli, konata pro siaj esploroj pri la malario, donis tiun nomon al la kuracado de la infektaj malsanoj per la *ĉioma stomaka fermento.* Tiel oni definitive eniris la vojon, certe por la profito de la homaro kiu estas ĉiam pli superjetata per pli aŭ malpli gravaj doloroj aŭ malsanoj, kiun profesoro Pettenkofer en München estis vide elmontrinta antaŭ pli ol 40 jaroj en la ĉeesto de mireganta publiko! Li sukcese pruvis, *glutante ĥoleran kulturon,* ke vere sana stomako, kiu laboras normale, detruas tiujn bakteriojn, kaj ke la perfekte digestanta homo devas havi *neniun timon de la infekto.*

Profesoro Pozzilli, okaze de la ĉiam pli multnombraj kazoj de tifo kaj paratifo dum lasta somero, kuracis grandmezure siajn tifulojn per nova medikamento, kiun li post dujara apliko, estis difininta antaŭe kiel rimarkindan. Tiu kuracilo estas la stomaka fermento kiu estas konata per la registrata nomo *Novochimosin,* kiu en multaj landoj jam estas ŝatata. Ĝi havas la transcendan superecon, ke ĝi estas absolute natura kaj senmalutila fermento, tirata el remaĉulaj stomakoj. Ĝi resanigas rapide la teruran suĉinfanan gastro-enteriton same kiel la venenan albuminurion, konsekvenco de nombraj malsanoj kaj venenigoj, kontraŭ kiu oni ne konis ankoraŭ kuracilon. La elpensinto, svisa biokemiisto, sinesprimas pri tio kiel sekvas en la medicina revuo „Praxis“:

„Oni estas ankoraŭ malproksima por ŝati laŭ ĝusta valoro la gravecon de la stomakaj kaj intestaj funkcioj. La ĝis nun uzata kuracado de la stomakaj afekcioj per kemiaj medikamentoj aŭ iluziaj organikaj preparaĵoj, aŭ kiuj perdis ĝiajn efikon sekvante de eraroplenaj fabrikadaj procedoj, estas for. Ne nur la nutraĵa digesto, sed ankaŭ ĝenerale la nutraĵaj interŝanĝoj kiuj prizorgas la ekzistadon kaj la defendadon de ĉiuj ĉeletoj kiuj reprezentas nian organismon, dependas de la stomak-intestfermenta vivpovo, de la kvanto kaj de la kvalito de tiu fermento. La personoj kaj la bestoj kiuj ĝuas *perfektan digeston* estas generale ne nur de *supera saneco* kaj *korpe tre kapablaj,* sed ankaŭ neatingeblaj al *tuta serio de afekcioj.* Malsanema korpo, malfortigata por senmanĝa dieto kaj ofte venenaj medikamentoj, ne povas esti rekondukata al ĝia normala stato per seniĝeco. Precipe la infanoj ne rekaptas la prokraston kiu estas kaŭzata per dietaj kuracadoj.“

Profesoro Pozzilli elvidigis, en sia raporto al la Medicina Kongreso en Padova, ke estas sensacie observante, litkape de tifuloj, la rapidecon per kiu la malsano mildigas dum la influo de la *Novochimosin.* Ĉiu kuracisto tiam havas la impreson ke en la encimoterapeŭtiko oni malkaŝis kuracadon kiu estas supera eĉ al la specifa serumo.

Tiu lasta opinio havas specialan signifon, ĉiuokaze per la fakto ke la *Novochimosin,* la ĉioma stomaka fermento, en formo de tavoletoj, tre bone konserviĝas, kaj oni facile povas ekspedi ĝin al la plej malproksimaj landoj. Ĝi *antaŭsavas en la plej elmetataj vojaĝoj* kontraŭ sennombraj afekcioj aŭ kaŭzas ĝian rapidan resaniĝon. La organismo ricevas de la *Novochimosin,* kiu estas tre riĉa de tiu, la plian naturan digestan fermenton, same kiel la imunigantajn substancojn kiuj havas tiom da senlima graveco. Tiu klarigas sen ia alia la *surprizantajn resaniĝojn de malsanuloj kiuj estis konsiderataj kiel perdataj.*

Oni vidas kiel la opinioj de klarvidaj esploristoj tiaj kiaj Pettenkofer fine efektiviĝas, ofte post jardekoj, sekve de hazardo kaj de persistaj studadoj. Analogia okazo estas tiu de la moderna aviado, kiun Leonardo da Vinci tiom majstre estis antaŭvidinta kaj preparinta antaŭ jarcentoj.

# Korespondado

Interŝanĝo de objektoj.

## Afriko.

**Cape-Town.** S-ro Emanuel Rozenstein, studanto, Box 1148, PM, PI, gaz., kaj korespondas pri diversaj temoj kĉl., ĉiam respondas.

## Argentino.

**Bahía Blanca.** S-ro Vincento Orlando, Str. Darragueira 259, PM kun rusoj, amerikanoj kaj azianoj.

## Aŭstralio.

**Waverley (N. S. Wales).** S-ro Brian Dooley, universitatano, 39, Murray Str., L ktp. speciale kun gestudantoj.

## Aŭstrio.

**Wien.** S-ro Franz Wellmann, Hegelgasse 14, PM kĉl., ĉeĥoslovakaj laŭ Michel aŭ Senff.

## Belglando.

**Antverpeno.** S-ino Lucette Faes, Longue rue d'Herenthals 100, L, PI bfl kĉl.

**Antverpeno.** F-ino Leonie Joukes, Congostraat 44; PK, L kaj PI kĉl. (ne Belgujo).

**Borgerhout-Antwerpen.** S-ro Theo Verschueren, 44 Oedenkoven Str., PM.

**Kortrijk.** S-ro César Vanbiervliet, Wolvenstraat 3, PI bfl, PK, L kĉl., ĉiam resp.

**Ninove.** S-ro L. Cogen, pacjuĝisto, 52 Drève, sin interesas al lingvoj, stenografiaj sistemoj, skribhistorio kaj muziknotadoj aŭtonoma kaj aliaj.

## Brazilo.

**Sao Paulo.** S-ro Joh. Stuiber, rua Major Diego 7, Estado de Sao Paulo, L, PI kĉl.

## Britlando.

**Partick-Glasgow.** S-ro Aleksandro Struthers, 14 Church Street, PI, L (de oficistoj pri la leĝaroj kaj regularoj kontraŭ neĝustaj pailoj kaj mezuriloj).

**Hull.** Albert E. Hepton, Del. de UEA, 89a Graftonstr. serĉas korespondantojn por la gelernantoj de sia kurso; PI, bfl, L, kĉl.

## Bulgario.

**Ferdinandsko Selo.** S-ro S. Beĉev, uĉitel, Kamena Riksa, L, PI kĉl.

**Gabrovo.** S-ro G. Penĉel, teknikisto, Brenska 21, L, PI kĉl., gazetojn, fotojn.

**Gabrovo.** S-ro Ivan Škodroff, junulo, teknikisto, fabriko „Prine-Ibiril", L, PI bfl, fotografaĵojn kaj gazetojn kĉl.

**Petriĉ.** S-ro M. Filipov, ulica Veroš 342, L, PI, PM kĉl., gazetojn.

**Osman-Pazar.** S-ro A. D. Bojaĝin, PI, popolmuzikaĵoj, L pri naturscience.

**Stara Zagora.** S-ro Georgi Savov, telegrafisto, deziras animrilatecon kaj portretojn de fraŭlinoj aŭ vidvinoj el la tuta mondo.

**Sv. Vraĉ.** S-ro I Patronef, komerca bakalaŭro, L, PI kĉl.

## Ĉeĥoslovakio.

**Bakov Nad Jizerou.** S-ro František Pytloun, fervojisto, PI, L ĉiam respondas.

**Bratislava.** S-ro Béla Lévaj, Suché Mýto drogerio „Sana", L, PI, kĉl.

**Brüx.** S-ro Josef Beller, Teplitzerstr. 37, PI kĉl., PM kun seriozaj filatelistoj. Ne sendas unue.

**Dux.** S-ro Rudolf Weiss, Bilinerstr. 549, PM kun komencantaj kolektantoj.

**Holešov.** S-ro D-ro J. Palacký, advokato, PM kĉl. kun progresintaj filatelistoj, korespondas angle, france, germane, esperante. Sendu rekomendite. Respondas certe kaj tuj.

**Jablonć nad Orlicí.** S-ro Gustav Grůs, PI kĉl. pri diversaj temoj.

**Olomouc.** S-ro Josef Teplý, mekanikisto, Resslova 21, PI, L kĉl.

**Olomouc.** F-ino Marie Fudlová, fervoja oficistino, Řed. st. drah — odd. VII/1. PI, L, kĉl.

**Praha-Horní Krč,** Zborovská lo. S-ro Karel Adam, instruisto lernantoj de burĝa lernejo dezi-as korespondadi PI, PM kun 12—14-jaraj knaboj el nordeŭropaj landoj kaj aliaj lokoj Ĉio estos tuj respondita.

**Praha-I.** S-ro Hugo Pressburg, Můstek 9 PM, korespondi pri komercaj cirkonstancoj precipe en monbranĉo sinjora (kravatoj) nur transmaraj.

**Praha-I.** S-ro Jan Grim, Na Františku 38 II, PI, PK, L kĉl. Certe respondos

**Praha 36.** S-ro Ferdinand Votrubec, poŝta kasisto, poŝtoficejo, PK, L pri poŝtaj aferoj kĉl. poŝtoficistoj.

**Rybniště-Varnsdorf.** S-ro Standa Pekař, instruisto, PI, bfl kĉl. precipe kun fraŭlinoj.

**M.-Schönberg.** S-ro Max Bittl, Meierhofgasse 17, PI, precipe kun ekstereŭropanoj. Certe kaj tuj respondos.

**Úpice.** S-ro Richard Weil, numismatikisto, ĉeĥoslovakajn PM kontraŭ papera (ne plu valida) kaj alia mono de la tuta mondo (helpmono dummilita ne akceptata).

**Úpice.** S-ro Josef Kufak, ĉe firmo V. J. Ehl, presejo, PI bfl, gazetojn esperante, france, angle, germane.

## Danmarko.

**Sónderborg.** F-ino Annelise Partsch-Jórgensen, Skolevej 14, L, PI, nepre respondas.

**Sónderborg.** S-ro H. Tobiesen, telegrafisto, Jomfrüstien 29, L, PI, nepre respondas.

## Egipto.

**Port-Said.** S-ro Mustafa, State Telegraphs. Bonvolu skribi nur kiuj vojaĝos tra Sueza Kanalo kaj volas renkonti lokajn esperantistojn.

## Estonio.

**Narva.** S-ro R. Raudsepp, laboristo, Krenholm 17, - 3-a.

**Tallinn.** S-ro J. Rosenberg, korespondas kĉl.

**Tallin.** V. I. Mander, Kalde tän. 27. Interŝanĝas papermonojn kĉl., kromGermanujo.

## Finnlando.

**Haapamäki.** S-ro K. Ritekangas, arbarmajstro, PM laŭ Michel 1927 Eŭropo, PI, L kĉl. esperante, germane, svede.

**Kerava.** S-ro Ensio Laine, PI kĉl., PM kĉl., escepte ĉeĥaj kaj hungaraj.

**Loimaa.** S-ro Armas Numminen, L, PI kĉl., nepre respondas.

**Pori.** S-ro Toivo Setälä, Rülick 19, PM kĉl., donas PM de Finnlando, Aunus, Inkerio kaj Karelio.

**Waasa.** S-ro Joachim Buss, fervojoficisto, Palosaari 50, L, PI kun gesamideanoj ĉl.

## Franclando.

**Boulogne-sur-mer.** S-ro E. Barthélémy, 144 rue de Calais, PM puraj nestampitaj, de 500 ĝis 1000, kĉl., rekomendu sendaĵon.

**Colmar.** S-ro E. Zimmermann, UEA-del., 9 rue des Moulins, PM kĉl., ne sendas unue, ĉiam respondas.

**Fleury-les-Aubrais (Orléans).** S-ro M. Mollon, rue de Hermitage, L, PI kun fraŭlinoj turkaj, persaj, rusaj, aziaj.

**Menétou-Salon (Cher).** S-ro Branchu, PI kun ekstereŭropanoj. Ĉiam respondas.

## Germanio.

**Berlin N 4.** F-ino Marga Baumann, Pflugstr. 2, PI, bfl kĉl. Nepre respondos.

**Berlin W 10.** C. Walter, Hohenzollernstr. 11. Bonvolu sendi al mi beletajn PI, bfl. Mi certe respondos, afrankante la respondbildkarton per novaj flugpoŝtmarkoj.

**Breslau 5.** S-ro R. E. Jarosch, Augustastr. 29, PI kĉl. Certe respondos. Memoriĝas la ĝisnunajn korespondintojn.

**Breslau 18.** F-ino Lydia Schmidt, Ahornallee 6, L, PI, fotoj kun palmarboj, humorkartoj, PM, papermonon kĉl.

**Deggendorf-München.** S-ro A. Brandl, L, PI kĉl., nepre respondos.

**Dresden-A. 19.** S-ino Camilla Fürth, Carlowitzstr. 28, deziras interŝanĝi ideojn kaj PM kun ĉiuj escepte el Usono kaj Ĉeĥoslovakio. Certe respondas.

**Düsseldorf.** S-ro C. Küper, Graf-Adolf-Strasse 11, fotojn.

**Görlitz, Silezio.** S-ro Wilhelm Möhle, kompostisto, Pontestrato 7, III, PK, PI, L, ĉiam respondos. Ankaŭ ŝatas korespondadon kun geinfanoj.

**Görlitz, Silezio.** S-ro Gerhard Langner, UEA-del., Bahnhofstrato 8, L, PI bfl, PM, esperantaĵojn, gazetojn, glumarkojn. Tuj respondos.

**Görlitz, Silezio.** S-ino Elise Boden, Uferstrasse 15, PI, L kun Azio, Afriko, Ruslando. Mi ĉiam respondos.

**Görlitz, Silezio.** S-ro Hubert Neumann, urbo-konstruantestro, Lerchenstrasse 36, serĉas korespondadon kun negermanoj, precipe interŝanĝas memfaritajn fotografaĵojn, ankaŭ stereobildojn.

**Koblenz.** S-ro Heinrich Lorenz jun., Friedrichstrato 56, PI kĉl.

**Magdeburg.** S-ro Fritz Rockmann, komitatano de UEA, Sandtorstrasse 8, I, serĉas por siaj ĉirkaŭ 40 lernantoj 12—14-jaraj konvenan korespondadon nur kun negermanoj prefere kun kelkiuj el ekstereŭropaj landoj.

**Mainz.** F-ino J. Stiegler, Diether-von-Isenburg-Strato 5, PI, L, esperantaĵojn kĉl.

## Hispanio.

**Barcelona.** S-ro Amadeo Ribera, str. Paseo del Triunfo 69-1°, PM kĉl. Respondo garantiita.

**Barcelona.** Pastro Salvador Ester, str. Pons y Callarza 58 (S. A.), „Esperantista Amikeco", PI kun Azio. Certe respondos.

**Barcelona.** S-ro Jaime Claramunt, Paseo Triunfo 32, P. N., nur kun neeŭropanoj kaj rusoj lertaj.

**Barcelona.** S-ro Ramon Figuerola, Ayuntamiento de Barcelona, PI kun amerikanoj kaj azianoj.

**Barcelona.** D-ro Ramon Torres Carreras, kuracisto, str. Aragó 257, kun kuracistoj-radiologoj.

**Barcelona.** S-ro José M. Terradas, str. San Rafael 26, tabakvendejo, deziras korespondi nur kun Azianoj kaj Afrikanoj. Tuj respondos.

**Barcelona.** F-ino Sara Ullastres, instruistino, Gualba, kun neeŭropanoj, Ameriko, Azio, Afriko, Oceanio.

**Madrid.** S-ro Jacinto Martin, Castelló 3, L, PI pri arto kĉl.

**Madrid.** S-ro Rafael Martinez, Castelló, 2 - Lechería, L, PI pri arto kĉl.

**Oviedo.** S-ro Luis Garcia Fernandez, Diputación provincial, L, PM, PI, gaz. kĉl., nepre respondos.

**Palma de Mallorca.** S-ro Andrés Fiol, str. Peregil 9, PM kun Persujo, Egipto, kaj Sud-Ameriko. Ĉiam respondas.

**San-Feliu de Guixols.** S-ro Victor Lluis, Calle Aden 9, UEA-delegito, L, PI kĉl., precipe kun fraŭlinoj, vidvinoj, tuj respondas.

**Sevilla.** S-ino Angeles Jimenez Oliver, Str. Quevedo 11, nur PM, PI kaj fotografaĵoj, korespondas france, hispane kaj esperante.

## Hungario.

**Budapest.** S-ino Sophia Schwab, Allomás utca 7, PI kĉl.

**Budapest.** S-ro F. Körösi, Budafoki ut. 16-18, V em. 3, PI, L kun revizoroj (the auditor).

**Fegyvernek.** S-ro Dezíderio Földes, mueloficisto, L kĉl. pri celibato de katolikaj pastroj kaj aliaj seriozaj religiaj temoj.

**Pécs.** F-ino Ireno Lunyácsek, Felső Vámház u. 68, PI, I kĉl.

## Irlando.

**Dublin.** S-ro Hugh Mc Auley, 39 Fitzwilliam Square, nur pri radio kĉl.

**Dublin.** S-ro Vere O'Ratigan, instruisto, Ormonde Academy, Rathmines, L, PK PI bfl, gazetojn. Nepre respondas. Temoj instruaj, komercaj, ĝeneralaj.

---

# Atentu!

Pro granda nombro da anoncoj ne povis aperi ĉiuj! Ili aperos en Aprila numero.

## Italio.

**Catania.** S-ro Emanuele Scalici, Via Coppola 6, deziras korespondantojn kĉl., por si kaj siaj skoltaj lernantoj. Li estas 18-jara inĝeniera studento kaj preferas korespondi kun fraŭlinoj

**Milano.** S-ro I. Piatti, Scuola, via Giusti 19, serĉas korespondantojn por siaj lernantoj 12—14-jaraj.

**Padova.** S-ro Gobbato Tullio, via Fabbri 1, PM kĉl.

**Torino (16).** S-ro Gatti Mario, Via Sacchi 18, PM kĉl., certe interŝanĝos kun jubileaj kaj koloniaj PM.

**Trofarello (Torino).** F-ino Balbo Cleo, likvorfabrikejo, PM, PI kĉl., certe respondos al ĉiuj.

**Udine.** S-ro U. Fregonese, Via Stazione FFSS, PI bfl kĉl., nur kun subskribo, dato, adreso de sendinto.

**Venezia.** S-ro Guido Secchieri, SS. Apostoli 5623, PK, L kĉl., precipe fotojn de esperantaj grupoj. Nepre respondas.

## Japanlando.

**Hakodate-Hokkido.** S-ro Shigeru Hirobe, 83 Asahimachi, L, PI bfl kun gefraŭloj ĉiulandaj, interŝanĝas skribliankojn (label) de alumet-skatoloj.

**Kioto.** S-ro Takeo Karakawa, Denki-kogaku-ka, Kioto Teikoku Daigaku, PM, PI kĉl.

## Maroko.

**Melilla.** S-ro Vicente Fraga Pauls, soldato ĉe Compania de Mar, L, PI kĉl.

## Meksiko.

**Tampico.** S-ro Ernesto E. Guerra, L kun sinjorinoj, fraŭlinoj aŭ seriozaj studentoj.

## Nederlando.

**Amsterdam.** S-ro N. Zilver, Box H. S. P. 1055, Damrak 95, PM kĉl.

**Vlissingen.** S-ro A. J. v. Domburg, Kanaalstr. 36, deziras interŝanĝi PM Svisujo, Grekujo, Svedujo.

## Pollando.

**Lwów 15.** S-ro R. Loster, Blonia Janowskie 29, PM kĉl.

**Sosnowiec.** F-ino G. Lewenhofovna, Czysta 1, L, PI bfl kĉl., nepre respondas.

## Rumanio.

**Alba Julia.** F-ino Yrma Gyulay, Str. A. Murasan 3, PI bfl kĉl.

**Alba Julia.** S-ro Ernesto Schlesinger, PI, L kun hebreoj, skoltoj, prefere fraŭlinoj.

**Arad.** S-ro A. Weisz, P. A. Jancu 13, kun inteligentaj samideaninoj pri diversaj temoj, fotojn kĉl.

**Bocsa-Montana.** S-ro Jozefo Urbanek, Uzina Electrica, PI bfl.

**Braila.** S-ro Emanoil Catz, str. Sft. Petru 23, PM, PI kĉl.

**Bucureŝti.** S-ro Sami Zalmanovici, str. Nerva Traian 58, L kun araba palestinano pri socio kaj politiko en Palestino.

**Bucureŝti.** F-ino Eugenie Marcus, str. Biserica Udricani 8, L, PI kun ekstereŭropanoj, Islandanoj, Finnlandanoj, Rusoj kaj Italoj.

**Cluj.** S-ro A. Károlyi, studento, str. 9 h. Baritiu 26, L, PI, PM kĉl.

**Petroŝeni.** S-ro Josefo Kanduth, Str. N. Iorga 8, L, PI, gazetojn kun ne-eŭropanoj.

**Pui, Transilvania.** S-ro D-ro Vasile Antal, advokato, interŝanĝas 10—20 cigaredojn kaj PM kĉl. Sendu la plej bonajn cigaredojn de via lando por mia kolekto, mi faros same.

**Salaŝul-de-Sus,** Jud. Hunedoara. S-ro A. Herban, studento, L, PI, PM 200—300, ne sendas unue.

## Saar.

**Böckweiler.** S-ro Nic. Donien, oficisto, L, PK kĉl. pri esperantismo, turismo, politiko ktp. kun seriozaj esperantistoj.

**Breitfurt.** S-ro Paul Oelkrug, oficisto (Bürgermeisteramt), PK, PI pri diversaj temoj.

## Sovetunio.

**Leningrad.** S-ro S. D. Ivanov, ul. 3 Julia 15, kv. 42, PI bfl nur kun Romo, Grekio, Turkio, Jugoslavio, Oceanio, nepre respondas.

**Moskva.** S-ro A. Prager, Postbox 605, serĉas korespondantojn-fotografistojn kĉl. por organizi internacian asocion de fotografistoj. Ankaŭ korespondas PI bfl.

**Rostov-na-Donu.** S-ro A. Sidorov, Poĉt. jaŝĉik 347, ĉiutemaj L, PI kĉl.

## Sudslavio.

**Sv. Lovrenc (kod. Maribor-a).** F-ino Rezi Forstner, PI bfl kĉl.

**Novi Sad.** S-ro Stefan Biro, Jovan Aranya 4, PM, PI, bfl kĉl.

## Turkio.

**Aidin.** S-ro Mustafa Ruŝdi Bej, tajloro, Rue de la Gare, PM, PI bfl kĉl.

**Smyrna.** S-ro Mehmed Gevdet, direktoro de lernejo Al-Sanĝak, PI, L.

## Usono.

**Anita (Iowa).** S-ro Lyell P. Hadley, fraŭlo, L, PK kĉl., prefere kun inoj, fot-aĵoj.

**Buckland, USA, Mass.** S-ro Warren Gould, matemat. instruisto, PK, L kun eŭropaj instruistoj pri metodoj de matem. instruado en altlernejo.

**Flint (Mich.).** S-ro Saul J. Jaffe, 121 Grace St., Del. de UEA, L, PI kĉl. pri religiaj kaj ekonomiaj problemoj, esperantaĵojn. Certe respondos.

**Flint (Mich.).** S-ro Denton Hosking, 1657 Indiana Ave., L, PI kĉl.

**Flint (Mich.).** S-ro William W. Hamilton, Route 3 Western Road, L, PI kĉl. Certe respondos.

**Flint (Mich.).** S-ino Aurelia Heinz, 4518 Brunswick Ave., L, PI kĉl. Certe respondos.

**Flint (Mich.).** S-ro Joseph Blackington, 1641 Beach St., L, PI kĉl. Ĉiam respondos.

**Flint (Mich.).** S-ro Noah Spruce, 714 Stockton St., L, PI kĉl. kun seriozaj samideanoj. Nepre respondos.

**Flint (Mich).** S-ro Emil Jahnke, 920 East Second St., PM, ne respondos al bagateloj kaj ne akceptos malvaloraĵn specimenojn.

**Mitchell, S.-Dak.** S-ro S. H. Gribbons, Faith Home, pri Nova Kristanismo kĉl., nepre respondas.

**New York.** F-ino M. Berns, 260 82 nd Street, Borough of Brooklyn, PI, PM kun Azio, Afriko, Sud-Ameriko.

**Philadelphia, Pa.** S-ro Frank L. Fernback, 4817 Beaumont Ave., PI, L kĉl., ankaŭ deziras adreson de S-ro Teodoro Yefimov (Ruslando).

**Philadelphia, Pa.** S-ro Henry W. Hetzel, UEA-del., High School for Boys, Phila-West, L, PI kĉl., serĉas korespondantojn por siaj lernantoj 15—20-jaraj.

**Philadelphia, Pa.** S-ro Julius Kean, 4933 Walnut Str., L, PI kĉl.

**Philadelphia, Pa.** S-ro Vilhelmo S. Bradley, fraŭlo, instruisto, 113 North 59 a Street, L, PK ktp. kĉl. pri instrumetodo, disciplino en lernejoj, organizo de Junula Ruĝa Kruco, Esperanto-geinstruista movado, interŝanĝo de libroj kaj gazetoj ktp. Skribu esperante aŭ angle, ĉiam respondas.

---

# Petoj kaj Proponoj

## Internacia Komerco.

---

**Adresaro de Filatelistoj,** kun mil adresoj. ankoraŭ ne aperis pro nesufiĉa nombro de mendintoj. Mi sincere dankas al delegitoj kiuj afable liveris al mi la adresojn. Prof. Miecz. Sygnarski, Kordeckiego 19, Bydgoszcz.

**Adresŝanĝo.** S-ro Emanuel Rozenstein, Bialystok, Pollando, elveturis Afrikon kaj denove interŝanĝas PM, PI, gazetojn, monojn, monerojn kaj korespondas pri diversaj temoj kĉl. Nepre respondas. La nova adreso: P. O. Box 1148, Cape-Town, Afriko.

**Adresŝanĝo.** S ro Cortès petas pardonon de siaj korespondantoj, baldaŭ li respondas al ĉiuj; lia nova adreso: T. Cortès Barceló, str. San Bernardo 24, Madrid 8.

**Adresŝanĝoj.** Bonvolu noti novajn adresojn en Lyon: Esperanto-Oficejo, 1 rue Hippolyte Flandrin, Lyon (1 er), Grupo Esperantista de Lyon, sekretariino S-ino Farges, sama adreso, delegitino de UEA.

**Artan rememorajon** al la 20-jara jubileo de Loka Societo de GEA en Dresden vi ricevos kontraŭ alsendo de 50 cent. (0,40 RM germ.). Adreso: Dresden-A. 1, Struvestr. 40.

**Artefaritaj lingvoj.** Kiu posedas aŭ konas mondlingvajn verkojn, aliajn ol tiuj de la nomaro en Oficiala Jarlibro 1925, bonvolu komuniki precizan titolon, aŭtornomon, formaton, paĝonombron. Kiu scias pri nepublikitaj reformprojektoj aŭ novaj lingvoj elpensitaj bonvolu informi — por helpi grandan laboron pri ĉiuj mondlingvoj. Helpinto ricevos presitan katalogon de mondlingvoj. Adresu: Bibliografia Servo de UEA, 12 Bd. du Théâtre, Genève, Suisse).

**Artpoŝtkartoj.** Bankoficisto Arno Paul, Zeulenroda (Thür.), Sparkasse, Germanujo, havas 1500 novajn artpoŝtkartojn kaj deziras interŝanĝon kun la tuta mondo. Respondo certa.

**Blinduloj.** Almanako porblindula, tutmonda jarlibro, estas eldonota. Ni tre petas sendi fak-informojn pri blindula movado en via lando. Aliaj gazetoj bonvolu represi. Adresu al la prezidanto de la Universala Asocio de Blindaj Esperantistoj; S-ro J. Benŝahar, World Union of Assoc. for the Blind, 455 West 42 nd Street, New York, USA.

**„Devoj de la Homo“.** La Laborista Esperanto-Grupo en Genova sciigis, ke restas ankoraŭ malmultaj ekzempleroj de tiu fama verko de Mazzini, tradukita en Esperanto. Kiu ĝin deziras ricevi, bonvolu pagi almenaŭ sendkoston de 1.50 liroj po ekzemplero. Delegitoj estas petataj trovi plurajn personojn por opa transsendo. Skribu al: S-ro E. Managlia, Casella 922, Genova, Italio.

**Filatelio.** S-ro G. Knapp, Otterbach, Rheinpfalz, Germanio, PM, ankaŭ Saar-ajn.

**Filatelio.** Tiuj, kiujn nur indaj PM kontentas, sendu al mi 50—500 bonajn PM de ĉiuj landoj (minimuma valoro 50 fr. laŭ Yvert 1927) por ricevi samvalorajn PM el Anglujo kaj kolonioj. S-ro S. Moore, 48 Barnsdale Rd., London W. 9.

**Gramofon-Diskoj** en Esperanto parolitaj de D-ro Privat. Petu detalojn senpage ĉe la Brita Esperantista Asocio, 142, High Holborn, London W. C. 1, Anglujo.

**„Homara interkonsento“** serĉas en diversaj landoj oficistojn kaj oficistinojn, kiuj senpage akceptas formi grupojn de „Tutmonda Interkonsento de la Oficistoj“. Adresu al S-ro K. Bebrle, Liebigstr. 35, II, Berlin O 112, Germanio.

**Japanio.** Malgrand-landanoj, sendu al mi PI nepre bfl, kun pejzaĝoj, kostumoj, tipoj karakteraj: rekompence mi nur unuloje sendos japan-esperantistan gazeton. Validas nur dum 1927. S-ro S. Wakamatsu, I-41, Kamezawacho, Honjo-ku, Tokio.

**Komercan reprezentadon** de bonaj artikloj por importo en Aŭstrion serĉas fidinda kaj sperta komercisto Viena. Unuaklasaj referencoj laŭdezire povas esti donitaj. Eksterlandaj firmoj, kiuj volas siajn produktojn enkonduki en Vieno kaj Aŭstrio sin turnu al S-ro Ludwig Pollak, Wien III, Oberzellergasse 8, Aŭstrio. Korespondo angle, france, germane, itale, hispane, ruse kaj esperante.

**Komercan reprezentadon** por ĉiuj varoj serĉas S-ro Natalio Perianes, str Hiniesta 21, Sevilla, Hispanio.

**Korespondado.** Gekorespondantojn el la tuta mondo deziras Woodseatsa Esperanta Rondo. Interŝanĝos L, PK, gazetojn, propagandilojn ktp. Adreso: Cyril W. Gardner, 35, Moor View Road, Woodseats, Sheffield, Anglujo.

**Malnovaj numeroj** de „Esperanto“ 228—231 estas serĉataj. Proponojn kun prezo sendu al: S-ro T. J. Guéritte, Plaisance, Claremont Gardens, Surbiton, Anglujo.

**Militperdito.** Kiu scias, kie estas S-ro Max Langberg, naskita 1887 en Cernauti, militkaptita 1915 ĉe Przemysl, loĝita en Berezovsk-Perm, poste en Kamen-Tomskoj gub. Skribu al: S-ro Sperling, Marxergasse 52-7, Wien III.

Esperanto-Presejo Paul Göring, Magdeburg-N.